XXª jaro. Nº 291 (11) ☆ Monata ☆ Novembro 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redakiejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Konferencoj en Parizo, kongreso en Ĝenevo

La Centra Komitato decidis, ke nia XVIIª Universala Kongreso kunvenos en Ĝenevo de la 3ª ĝis la 7ª de Aŭgusto 1925 kaj ke universitataj somerkursoj en Esperanto okazos tie de la 1ª ĝis la 8ª de Aŭgusto 1925 sub la patronado de la Internacia Universitato fondita de S-roj Otlet kaj Lafontaine en Bruselo kaj sidonta en Ĝenevo dum 1925. Aparta Kongresa Bulteno aldonata al nia gazeto entenas jam de nun pliajn detalojn. Ni esperas, ke la partoprenontoj aliĝos frue, ĉar la hoteloj estas tre plenaj en Svislando dum somero. Al ĉiuj koran inviton kaj ĝisrevidon ĉe la Ĝeneva lago!

Laŭ decido de la Centra Komitato okazos en Parizo diversaj teknikaj konferencoj de la 14ª ĝis la 17ª de Majo:

1ᵉ Teknika konferenco por uzo de Esperanto en Komerco kaj Industrio, kun oficiala patronado kaj subvencioj de la Pariza Komerca Ĉambro kaj de la Pariza Foiro. Tiun konferencon organizos la societo „Esperanto et Commerce", tiel vigle gvidata de D-ro Nuyts, prezidanto, kaj de S-ro Dény, sekretario, 20 rue de l'Arc de Triomphe, Paris.

2ᵉ Teknika Konferenco por uzo de Esperanto en Scienco sub la patronado de diversaj famaj membroj de l' franca Akademio de Sciencoj, subskribintaj la konatan deklaracion por rekomendi la aplikon de Esperanto al scienco kaj la preparon de fakaj vortaroj en nia lingvo. Ĝin organizos la Internacia Scienca Asocio, nun fervore revivigata de S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto, 35 rue du Sommerard, Paris V, kaj de S-ro Rousseau, sekretario.

La du konferencoj havos grandan solenan malfermon kaj unu komunan kason, afable kaj sindone prizorgatan de S-ro André Baudet, trezorestro de la Pariza Komerca Ĉambro kaj de la Pariza Foiro (Chambre de Commerce de Paris, 2 Place de la Bourse). Al lia talenta helpo nia movado jam ŝuldas tre multe.

Ni memorigas al ĉiuj naciaj societoj kaj al ĉiuj lokaj grupoj la gravecon de la Komerca Eksperimento, rekomendita de la Venezia Konferenco. En ĉiuj eblaj urboj oni komencu plej malfrue en Januaro kurson de 25 lecionoj por komercistoj kaj oni informu nin pri tio. Antaŭ la fino de la kurso, jam en Marto, estos interŝanĝataj la adresoj de kursanoj en ĉiuj landoj por ke ili interkorespondu. Ĉe la fino estu ekzamenó aŭ konkurso por delegi la plej bonan lernanton al la Pariza Konferenco, kie oni raportos pri la tuta eksperimento. Ĉio okazu sub la patronado kaj kontrolo de iu komerca ĉambro, lernejo, grava firmo, gazeto aŭ societo. Pliaj detaloj jam aperis en niaj Aprila kaj Maja numeroj. Ni deziras anonci la lokojn, kie ĝi okazos.

3ᵉ Konsente kun la Esperantista Akademio, la Centra Komitato korespondos kun la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj esperanto-societoj kaj kun la Komitato de UEA por inviti ilin samtempe kaj samloke kunsidi kun la delegitoj de niaj fakaj societoj por diskuti la gravan problemon de niaj teknikaj vortaroj. Multaj preferus la daton de Pasko, sed la organizantoj kaj subvenciantoj ne povis ĝin akcepti. La komerca konferenco povas okazi en Parizo nur dum la Foiro kaj la scienca konferenco renkontus nesufiĉan atenton dum Paska libertempo. La Maja dato estas do deviga.

4ᵉ Ĉe Pasko, precize de la 16ª ĝis 20ª de Aprilo okazos en Parizo internacia Radio-kongreso kaj kunsido de la Internacia Radio-Asocio, prezidata kun granda kompetenteco de D-ro Pierre Corret, 97 rue Royale, Versailles, kiu ĵus publikigis rimarkindan esp. radio-vortaron. Ĉiuj esp. radio-amatoroj, kiuj povus aŭ dezirus partopreni bonvolu jam de nun sin anonci ĉe li. Estas tre grave, ke multaj venu al tiuj diversaj konferencoj, kiuj havos por nia movado netakseblan valoron. En Francujo nia movado ricevis dum la milito kaj tuj poste fortajn batojn de la sorto. Nun la cirkonstancoj iom pliboniĝis. Venis la tempo helpi nian movadon tie per trafaj publikaj pruvoj.

Pri la temoj mem ankaŭ estas grave. En komerco nia afero devas nun organizi energie sian antaŭenmarŝon. Pri teknikaj vortaroj de scienco kaj industrio la tuta esperantistaro ja scias la urĝan bezonon. La Akademio kaj Scienca Asocio bezonas helpon por tiu tasko. Interkonsento estas necesa. Ĉiu, kiu povas aŭ volus partopreni sin anoncu tuj. Ni bezonas scii jam nun sur kiuj ni povos kalkuli kaj kiujn komercajn kaj sciencajn societojn oni devas inviti en ĉiu lando aŭ urbo.

Nun ankaŭ pri la radio-stacio en Ĝenevo la afero marŝas antaŭen. De esperantistoj venis promesoj aĉeti akciojn jam pli ol kvincent je cent svisaj frankoj, do entute 50.000 Ni bezonus ankoraŭ 30.000 por efektive sukcesi. Kiu povas prunti iom da mono kun garantiata procento je tiu celo bonvolu sendi tuj sian promeson anoncante kiom da akcioj je cent frankoj li aĉetus se la afero efektiviĝos kun helpo de la ŝtato.

Fine la konferencoj en Parizo ankaŭ bezonas monon por sukcesi. Kiu povas sendi donacon al ni por helpi vojaĝojn de neriĉaj kompetentuloj bonvolu tion fari. Post la favora rezolucio de la Ligo de Nacioj mi ricevis tre afablajn leterojn kaj kortuŝajn telegramojn. Pro ĉio mi dankas sincere el tutkoro. Se iuj povas nun helpi la novajn entreprenojn per sendo de donaco aŭ promeso pri akcioj, mi estos al ili ankaŭ tre danka. Nia afero nun marŝus vere tre bone, se ni nur havus rimedojn. Kuraĝon tamen! *Edmond Privat.*

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

**Informilo de Esperantistaj Societoj. — Kroniko. — Radio. — Alvokoj.**

# Impresoj de ĉina esperantisto en Eŭropo.

W. Kenn, membro de la Centra Komitato.

*Kiel reprezentanto de la Centra Komitato por ĉeesti la IIan Iberian Kongreson, la XIan Bulgaran Kongreson, la IVan Rumanan Kongreson kaj la IIan Jugoslavan Kongreson de Esperanto, S-ro Kenn faris sufiĉe longan vojaĝon tra la suda, la orienta kaj la centra Eŭropo, samtempe partoprenis la XVIan Universalan Esperanto-Kongreson en Vieno kaj faris vojaĝpropagandon tra Moravio, en Ĉeĥoslovakio. La vojaĝo daŭris entute du monatojn. Kun la permeso de la aŭtoro ni publikigas la impresojn de S-ro Kenn pri sia vojaĝo. (Red)*

## La vojaĝo.

Ĉar la IIa Iberia Kongreso okazis en Bilbao, urbo industria apud la Atlantika Oceano, mi vojaĝis unue de Lyon en Hispanion trapasinte Bordeaux, Bayonne kaj San Sebastian. Tio okazis la finon de junio. Post la kongreso mi revenis Lyon, kaj je la mezo de julio mi komencis la longan vojaĝon. Al Rumanio mi iris. Mi trapasis nordan Italion kaj nordan Jugoslavion. En Bukaresto mi restis kelkajn tagojn por fari propagandon. De tie mi vojaĝis Rusĉukon por ĉeesti la bulgaran kongreson. Reveninte Bukareston el Rusĉuko mi iris al Arado, la kongresurbo de la Rumana IVa, kaj post la kongreso mi vojaĝis rekte al Vieno tra Hungario. De Vieno mi direktis mian vojaĝon en Ĉeĥoslovakion. Mi estis lokita en Brno, en Olomouc, en Přerov. De Přerov vagonaro alportis min ankoraŭ unufoje al Sudslavio, al Zagreb, al Suŝak, apud Fiume, kie mi enŝipiĝis por Splito, la urbo de la Jugoslava kongreso. Travojaĝinte Dalmacion mi iris ĝis Dubrovnik, prenis ŝipon por Bari, kaj ĝojis, ke mi dum la hejmvojo povis ankoraŭ unufoje saluti Italion, la landon, kies belecon mi ĉiam prirevas kaj adoras.

La vojaĝo estis interesplena. Mia pasporto portis jam konsulajn vizojn de ok ŝtatoj, sed tio ne sufiĉis. Dufoje mi vojaĝis tra Jugoslavio, Aŭstrio kaj Italio, kaj dufoje mi devis aĉeti permeson por la trapaso. Ĉie mi estis frapita de landlimoj kaj doganoj. Dudek-ok-foje mi trapasis la landlimojn, dudek-ok-foje mi devis prezenti mian pasporton kaj dudek-ok-foje mi havis la honoron saluti la sinjorojn doganistojn. Oni tute ne povas imagi, ke en tia malgranda peco da tero ekzistas tiom da limoj; tian kondiĉon mi neniam renkontis dum mia vojaĝo tra trimil kilometroj en la oriento. Estas vere, ke ju pli oni vivas sovaĝe, des pli da libera aero oni spiras. La diverseco de mono estas ankaŭ afero rimarkinda. La ŝanĝo kaj kalkulo de tempo al tempo de hispana peseto, franca franko, itala liro, jugoslava dinaro, rumana leo, bulgara levo kaj hungara, aŭstria kaj ĉeĥa kronoj donis vere guston kaj intereson de vojaĝo, sed por praktika vivo mi kredas, ke tio estas enua. Kiom da tempo kaj laboro ni povas ŝpari sen tia diverseco? Ankoraŭ unu afero rimarkinda, eble la plej grava: la lingvodiverseco. Serboj parolas serbe, bulgaroj parolas bulgare, ĉeĥoj parolas ĉeĥe kaj hungaroj parolas hungare. Estas la unuan fojon en mia vivo, ke mi vidis klare la malfacilecon de lingvoj kaj la absolutan neceson de lingvo internacia. Mi estis multafoje embarasita en landoj, kie la lingvo ne povis min komprenigi. Mi ne scias ĉu mi estis en Balkanio aŭ en Skandinavio, ĉu Birmanio aŭ en Oceanio. Mi povas nur konfesi, ke pro la malsimileco de lingvo mi vidis ĉion strangan, fremdan kaj malsaman. Lingvojn gepatran kaj fremdan mi jam lernis dum dudek jaroj. Mi mem parolas kvar aŭ eĉ kvin lingvojn, sed tio al mi tute ne utilis. Mi foje renkontis sinjoron parolantan kvin aŭ ses lingvojn, tamen ni ne povis bone interkompreni kvankam li penis ekzerci liajn ses lingvojn kaj mi la kvin miajn. Feliĉe, Esperanto utilis al mi tre ofte, kaj unufoje en Subotica, urbeto nekonata eĉ al multaj instruistoj de geografio, kaj kie oni parolas lingvon al mi tute nekompreneblan, mi ĝoje renkontis samideanon kaj delegiton de UEA, kiuj tre afable faris al mi servon plifaciligi mian vojaĝon. Oni vidas do la disvastigon de nia movado eĉ en loko nekonata. Oni vidas ankaŭ, ke esperantistoj kun granda sindonemo havas ĉiam la deziron glatigi la vojon por la homaro super la limo de lando kaj lingvo.

* * *

## La IIa Iberia Kongreso.

Dank' al la samideanoj de Valencio, kiuj prenis la iniciaton revigligi la movadon kaj okazigi la unuan kongreson lastajare en sia urbo, la dua kongreso de Iberio tiun ĉi jaron sukcesis funkcii en Bilbao kun ne malpli granda bonrezultato. La loka komitato faris bonegan organizan laboron, ĉar la movado en Bilbao estas ĉiam vigla kaj solida.

La kongreso malfermis de la 19a ĝis 22a de junio. UEA sendis reprezentanton el Ĝenevo. Ĉeestis franca, germana kaj portugala gastoj. Aŭtoritato de Bilbao ankaŭ reprezentita. Kaj mi mem reprezentis la Centran Komitaton.

La plej grava afero diskutita dum la kongreso temis pri la centra organizo de la Iberia Duoninsulo. Jam de lasta jaro, dum la unua kongreso en Valencio, oni proponis starigi Iberian Esperantistan Konfederacion, kiu devas enhavi dekunu federaciojn regionajn, nome: la federacioj Andaluza, Aragona, Vaska, Ekstremadura, Galicia, Kastila, Kataluna, Nord-Afrika, Portugala, Valencia kaj Zamenhofa. Tio estas vere grandioza plano; tempo kaj laboro estas multe bezonataj por la realigo. Tamen la Bilbao'a kongreso sukcesis starigi centran komitaton en Madrido por efektivigi la ideon.

Deziro estis forte esprimita por subteni la oficialajn instituciojn kaj precipe UEA. Oni vidas, ke la iberiaj samideanoj estas ĉiam simpatiaj por la centra kaj internacia movado.

La cirkonstanco de Bilbao estas tre favora. Subvencion por la kongreso la Loka Komitato ricevis de la urba kaso.

Rilate al la stato de la movado oni povas taksi per la jena fakto, ke, anstataŭ kunveni unufojon ĉiusemajne kiel alie, la Bilbao'aj samideanoj kunvenas ĉiuvespere en sia propra ejo, kaj la ejo estas ĉiam plena! Esperantistoj de aliaj urboj observu tion!

* * *

## La XIa Bulgara Kongreso.

Okazis la 27an ĝis la 29a de julio la XIa Bulgara Kongreso en Rusĉuko, urbo malgranda ĉe la landlimo kaj apud la Danubo. Kongresanoj el Sofia kaj el diversaj partoj de la lando venis

en granda amaso; ankaŭ samideanoj de Rumanio ĝoje aliĝis kaj organizis karavanon por la ĉeesto.

Ne multan tempon mi restis tie, sed la plej bonan kaj kortuŝan impreson mi havis de la kongreso. La urbo prezentis bildon de postmilita kondiĉo, kaj la agema kaj nelacigebla mieno de niaj bulgaraj samideanoj montris la energian karakteron de la popolo. La politika cirkonstanco en la lando estas tute ne favora. Pli ol cent kvindek samideanoj perdis absolute la esperon ĉeesti la Vienan kongreson, ĉar ili ne povis havigi al si komunan pasporton. Tamen la movado en la lando estas treege forta.

La kongreso estis tre modeste aranĝita, sed tre kontentiga Oni vidis nek universitatan profesoron, nek delegiton de ministro; oni vidis nur simplajn homojn, eĉ maljunan kamparanon de tre malproksima vilaĝeto. Esperanta movado, laŭ mia persona opinio, devas esti popola movado, kaj movado en Bulgario estas vere popola. Oni kalkulis ĉe la kongreso almenaŭ tricent verajn esperantistojn.

La kongreso malfermiĝis kun ne multaj ceremonioj. Mi estis frapita nur de tio, ke dum la laborkunsido ĉeestis ankoraŭ cento da kongresanoj vigle diskutantaj en Esperanto pri la diversaj temoj.

Kvankam la cirkonstanco en la lando ne estas tre favora, tamen la kongreso gajnis grandan favoron de la urbo. Unue, la urba muzikistaro bonvenigis la kongresanaron ĉe la stacidomo kaj due, la urbestro ĉeestis kaj parolis dum la malferma kunsido, kaj tio, kune kun la ĝardenfesto kaj alia propagando, kreis grandan bruon en la urbo — tian sukceson ni devas tutkore gratuli.

* * *

## La IVa Rumana Kongreso.

Neniam mi vidis pli favoran cirkonstancon ol en Rumanio. Dank' al la laboro de la organizantoj ambaŭ en Bukaresto kaj en Arado, la IVa Rumana Kongreso alportis grandan sukceson kun alia koloro. Supre, mi trovis la Kronan Princon kiel protektanton de la kongreso kaj faman generalon kiel ĝian honoran prezidanton. Tri ministerioj estis reprezentitaj: la Ministerio por Publika Edukado, la Ministerio por Komerco kaj Industrio kaj la Ministerio por Internaj Aferoj. Kia grandega oficiala elmontro! Estas do nenia mirego, ke la urbestro kaj la urba muzikistaro afable bonvenigis nin frumatene ĉe la stacidomo.

Arado estas la nomo de la kongresurbo. Ĝi havas belegan Kultur-Palacon, kie je la 2a de aŭgusto malfermiĝis la kongreso. La ceremonio estis vere solena, kaj mi tuj rememoris pri sama okazintaĵo, eĉ pli solena, dum la malfermo de la 1a Iberia Kongreso en la Paraninfo de la universitato de Valencio.

Salutis la kongreson la aŭtoritato, la urbestro. la delegitoj de diversaj ministrejoj, la reprezentantoj de diversaj Esperanto-institucioj kaj poste la reprezentantoj de ok diversaj nacioj, tiel ke la kongreso fariĝis vere internacia. Kaj inter la alilandanaj kongresanoj troviĝis pli ol kvindek bulgaraj samideanoj, pri tio kaj pri la malferma ceremonio la loka gazetaro dediĉis grandan spacon por la raporto.

Dum la laborkunsido diskuto temis pri eldonanta plano kaj aliaj gravaj aferoj. Ni tutkore gratulas ĝian sukceson kaj esperas, ke niaj rumanaj samideanoj, profitante la nunan cirkonstancon, povos en plej baldaŭa estonteco esperantigi sian tutan patrolandon.

* * *

## La IIa Sudslava Kongreso.

Spliton, urbon dalmacian, niaj sudslavaj samideanoj elektis por kongresi. Al la loka komitato kaj precipe al la Zagreb'aj samideanoj la kongreso ŝuldas multe pro ilia organiza laboro. Kvankam juna, la movado en Sudslavio estas sufiĉe forta: ĝi donas promeson de granda estonteco.

La kongreso estis ĉarma, ĉarma pro Splito, urbo de natura beleco kaj historia intereso, ĉarma pro la maro tute pentrinda kaj ĉarma pro Dalmacio, lando de revo, kie kreskas floroj kaj herboj kun koloroj freŝaj kaj variaj.

Vizitu Dalmacion, la admirindan landon de la suno kaj de la maro, riĉan je palmoj, oranĝoj, agavoj kaj oleandroj. Ekskursojn ni faris al Trogir, vidinda antikva urbeto, Solin (Salona), mondfamaj ruinoj, insuloj Biŝevo, blua groto, Vis, meze de Adriatiko; Hvar, tre milda klimato; Dubrovnik, la perlo de Dalmacio; Kotor, fama senkompara bela fjordo de Sudo.

La kongreso estis vere alloga, pro tio ĉeestis multaj kongresanoj eksterlandaj: krom mi, anglo, franco, germano, belgoj kaj poloj.

La cirkonstanco en Jugoslavio estas tre favora. Kiel alie, administracioj de ŝipoj kaj de fervojoj donis rabaton de kvindek procentoj kiu multe faciligis la vojaĝon de kongresanoj. Salutis la kongreson dum la malferma kunsido, kiu okazis la 23an de aŭgusto multaj gravaj personoj de la urbo, kaj, dum la ekskursoj tra suda Dalmacio, kelkaj urbestroj bonvenigis nin afable.

Dum la laborkunsido oni parolis pri la starigo de Esperanto-Instituto en Jugoslavio, kaj pri la okazigo de Tut-Balkana Kongreso de Esperanto dum la venonta jaro Tamen, tempon kaj laboron ni devas multe dediĉi por la realigo.

* * *

## En Bukaresto.

Kion mi faris en Bukaresto? Nenion. Se mi ion farus, tio estas ŝuldata nur al S-ro Henriko Fischer kaj ankaŭ al S-ro Andreo Ĉe. Sub tiu ĉi titolo mi skribas efektive nenion pri mi; mi montras nur la laboron de miaj amikoj.

Ĉar la instruado de Esperanto renkontas en Bukaresto tre favoran aprobon, oficialan viziton mi unue faris kun S-ro Fischer al la Ministrejo por Publika Edukado. Ni estis tre afable kaj amike akceptitaj unue de Sinjoro la Ministro kaj poste de la Direktoro por Supera Edukado kaj la Direktoro por Duagrada Edukado. Ideon pri la problemo de internacia lingvo ni interŝanĝis tre kontente. Nova sistemo de popola edukado estas nun aplikata en la lando, kaj mi esperas, ke Esperantaj kursoj baldaŭ malfermiĝos en multaj oficialaj lernejoj.

Viziton ni faris ankaŭ al la Ministrejo por Eksterlandaj Aferoj kaj al la Direktorejo de tutnaciaj policanoj; la lasta, depost unu jaro, favoras treege nian movadon, enkondukinte la instruadon de Esperanto en la policaj lernejoj.

En Valenii-di-Munte ni estis afable akceptitaj de Prof. Jorga, la konata intelekta pioniro de la lando kaj antaŭ la studentaro de la tiea Popola Universitato mi faris en Esperanto paroladon pri orienta literaturo kun la traduko de S-ro Fischer. Tio tre impresis ilin per la ideo de internacia komuna lingvo, kaj multaj el ili promesis en la plej baldaŭa tempo eklerni nian lingvon

Por la memoro de la IVa Rumana Kongreso mi verkis broŝuron pri la revolucio de ĉina literaturo depost 1918. Ĝi estis tradukita en rumanan lingvon kaj presita en la Literatura Revuo de Bukaresto kun antaŭparolo de fama aŭtoro kaj literatura kritikanto. Preskaŭ ĉiuj gazetoj de la ĉefurbo raportis detale pri la paroladoj.

* * *

## En Moravio.

Mian vizitadon kaj restadon en Moravio aranĝis S-ro Fridrich. Li deziris kun granda afableco, ke mi restu du aŭ tri semajnoj por fari propagandon, sed domaĝe, pro manko da tempo, mi estis tie ne pli ol unu semajnon.

La movado en Ĉeĥoslovakio estas konate vigla. La lando havas nur proksimume 150 mil km² de grandeco, sed delegitoj de UEA troviĝas en 131 lokoj en la lando, tian nombron superas nur Germanio, kiu laŭ la statistiko, havas delegitojn en 190 lokoj. Tamen tio tute ne malhelpas Ĉeĥoslovakion por esti la unua kaj la plej vigla lando en la mondo (kredeble laŭ vidpunkto de Esperanto-movado), ĉar Germanio estas trifoje pli granda kaj la popolo kvarfoje pli densa.

Mi ne konas tutan Ĉeĥoslovakion; mi konas nur Moravion. Tamen de Moravio, kie mi vidas la movadon vere viglan, mi povas taksi la kondiĉon de la tuta lando.

Mi estis lokita unue en Brno, la Moravia ĉefurbo, poste, en Olomouc kaj laste en Přerov. Samideanoj ĉion bone aranĝis por mia alveno. Bruo kuris tra la urboj, precipe pri la fakto, ke venis homo de tiel malproksime, parolanta lingvon idealan kaj pro scivolemo, kiun niaj moraviaj samideanoj tre atente kulturis kaj instigis por sukcesigi la propagandon, la publiko ekinteresiĝis pri la problemo de Esperanto. Paroladojn mi faris pri diversaj interesaj temoj kun la traduko de samideanoj en ĉeĥa lingvo. La nombro de aŭskultantoj en Olomouc atingis tri cent, en Brno kaj en Přerov iom malpli.

Al la moraviaj gesamideanoj mi vere ŝuldas multe pro ilia afableco kaj laboro. Ravitajn horojn tute neforgeseblajn ni pasis tre ĝoje, precipe en Brno, kaj tia ĝojo, kvankam jam pasinta, ĉiam revenas en mian koron kaj en mian sonĝon.

* * *

Jam finiĝas mia raporto. Sed kelkajn vortojn mi devos ankoraŭ diri tie ĉi. Al la Bulgara, Rumana kaj Sudslava Kongresoj mi dankas multe pro ilia afableco min elekti kiel honoran vicprezidanton. Mi dankas ankaŭ al la Centro de Cultura Valenciana, kiu bonvolas min delegi kiel korespondantan direktoro. Saman dankemon mi esprimas al la Brita Esperanto-Asocio min enskribi kiel honoran fratulon (fellow). Kaj fine mi kore dankas al la Esperanto-Asocio de Argentina Respubliko, kiu afable komisiis min kiel sian reprezentanton ĉe la XVIa Kongreso en Vieno. Sed mi povas tion anonci nur post la Kongreso, ĉar la letero el Argentino alvenis al mi tro malfrue.

Ankoraŭ kelkaj vortoj. Ankoraŭ unufoje mi esprimas mian dankemon precipe al la lokaj kongresaj komitatoj de Bilbao, de Rusĉuko, de Arado kaj de Splito pro ilia varma gastameco, kaj poste al Prof. Lacalendola de Bari, al D-ro Bruck de Romo kaj al D-ro Stromboli de Pisa, kiuj faris al mi grandan afablecon dum mia vojaĝo en Italio.

## Esperantista Akademio.

Baloto de unu Akademiano por la rusa lingvo (Posteno 11).

Voĉdonintoj: 87

| | |
|---|---|
| Voĉoj por S-ro Medem | 46 elektita |
| — — — Fiŝer (Fischer) | 40 |
| Voĉdonilo sur kiu ambaŭ nomoj estis strekitaj | 1 |
| | 87 |

Du cirkuleroj, entenantaj voĉdonilojn, senditaj al la 2 jenaj L. K.-anoj: S-roj D-ro B. Rácz (matrai utca 9, Budapest, Hungarujo) kaj L. Dreher (ĉe S-ro Rapelski, Byalystok, Polujo), revenis kun la poŝta noto „Nekonata". Tiuj ĉi L. K.-anoj estas petataj, konigi al la prezidanto sian nunan adreson.

* * *

La Akademio konsistas do nun el:

Prof. Th. Cart, prezidanto (posteno 3); S-roj L. M. Warden (p. 9) kaj D-ro Dietterle (p. 5), vic-prezidantoj; prof. E. Grosjean-Maupin, direktoro de la sekcio „Komuna Vortaro" (p. 15); D-ro W. Lippmann, direktoro de la sekcio „Gramatiko" (p. 4); D-ro E. Privat, direktoro de la sekcio „Konkursoj kaj Premioj" (p. 2); S-roj W. Bailey (p. 17), P. Christaller (p. 10), P. Corret (p. 18), A. Dombrowski (p. 16); V. Inglada (p. 14), J. R. G. Isbrücker (p. 1), E. Kühnl (p. 8), P. Lengyel (p. 13), P. Medem (p. 11), B. Migliorini (p. 6), E. A. Millidge (p. 12), P. Nylén (p. 7).

La estraro estas elektita en la jaro 1923 kaj estas rebalotota 1926.

*Postenoj rebalototaj:*

En 1925: 7, 17, 1, 10, 6, 9; — en 1928: 13, 15, 18, 8, 2, 3; — en 1931: 5, 4, 14, 12, 16, 11.

*Akademiaj korespondantoj:*

S-ro Rollet de l'Isle (Scienca kaj Teknika Vortaro); S-ro Setälä (Finna Lingvo), S-ro M. Solá (Kataluna); S-ro A. Tellini (Ladina), D-ro Leono Zamenhof (Pola), S-ro Everardo Backheuser (Portugala Lingvo).

*Sekcioj:*

Komuna Vortaro: Prof. Grosjean-Maupin, direktoro; S-roj Bailey, Migliorini, Millidge, Nylén: Bünemann, Solá, membroj.

*Gramatiko:* D-ro Lippmann, direktoro; S-roj Christaller, Corret, Lengyel; Collinson, Stöjan, membroj.

Konkursoj kaj Premioj: D-ro Privat, direktoro; S-roj Isbrücker, Kühnl; S-ino Hankel, S-roj de Ménil, Strœle, membroj.

## Lingva Komitato.

### Elektoj

(79 voĉdonintoj — plimulto 40).

Estas reelektitaj, laŭ IV. 4, 5, 1a de la Regularo, la sekvantaj *elirintaj* membroj: S-roj Bünemann (74 voĉoj), Bulthuis kaj Fischer (71), S-ino Flourens [Roksano] (70), S-ro Arnhold (69), S-ino Reed [Kellermann] (68), S-roj Rohrbach (67), Reed (66), Bianchini, Degon kaj Underhill (64).

Estas elektitaj, laŭ IV. 4, 5, 2a de l' sama Regularo, la sekvantaj *novaj* membroj: S-roj Rousseau (76 voĉoj), Kamarýt (75), Obruĉev (74), Baghy (72), Jodko (60).

*

### Akademio.

La elekto en la Akademion por la posteno 11 okazis antaŭ la fino de Septembro.

## Dumkongresa kunveno de inĝenieroj kaj arkitektoj.

Vieno, 11 kaj 13 aŭgusto 1924.

D-ro Hanauer-Berlin estas elektata kiel prezidanto kaj malfermas la diskutadon pri la teknikaj vortaroj.

S-ro Tiard-Paris raportas pri la traduko de la 8-a volumo de la vortaroj Schlomann (ferbetono, vojoj, pontoj ktp.), plenumata de 16 inĝenieroj el 8 diverslingvaj landoj kaj klarigas la uzitan labormetodon.

Li aldonas, ke laŭsperte la uzado de ekzistanta plurlingva vortaro ne nur multe plifaciligis la laboron, sed ankaŭ permesis korekti kelkajn nacilingvajn erarojn en la dirita vortaro (plibonigo de laboriloj per Esperanto). Li esperas, ke post 3 aŭ 4 monatoj — necesaj por ĝenerala reviziado — li povos sendi la tute finitan tradukaĵon al la Direktoro de la Akademio, sekcio por teknikaj vortaroj.

S-ro Orengo (Italio) raportas pri la tradukado de la 5a volumo de la Schlomann'aj vortaroj (fervojoj), jam komencita sub la gvidado de S-ro inĝ. E. M. Rosher, 125 Boulak street, San Francisco, Calif., USA.

Post la diskuto oni decidis skribi leteron al la fakestro de teknikaj vortaroj de nia Akademio:

„Laŭ decido de la inĝenieroj kaj arkitektoj kunvenintaj dum la 16a kongreso,

Konsiderante la fakton, ke oni jam komencis prilabori vortarojn esperantajn uzante la vortarojn de Schlomann ilustritajn seslingvajn (I. T. W.) nome:

1. la 8an volumon pri publikaj laboroj (preskaŭ finita),

2. la 5an pri fervojo (konstruo kaj uzado, ekspluato) [komencita]

ni submetas al vi la sekvantajn proponojn:

La Direktoro de nia Akademia sekcio por teknikaj vortaroj rekomendu al ĉiuj personoj, kiuj intencas prilabori teknikajn vortarojn, uzi prefere la Schlomann-vortarojn; vi trovos liston aldonitan al tiu ĉi letero."

Oni rimarkigis, ke la 5a Komisiono de la Ligo de Nacioj priokupas sin pri la problemo de teknikaj vortaroj.

La kunvenintoj petas S-ron Tiard, trovi kunlaborantojn pri aliaj volumoj de Schlomann, ekzemple pri teksaj aferoj.

Poste oni montris modelan paĝon el nova intencata verko: „Manlibro de la tekniko", ĝis nun nur germanlingva, aranĝata laŭ la metodo de Kabe kaj Bricard. Tiun verkon traduki en Esperanton estus tre utila, eĉ necesa laboro, por certigi la unuecon de nia vortaro, ĉar unueco estas la fundamenta postulo de nia tuta movado.

La prezidanto atentigas la ĉeestantojn pri la decimala sistemo de klasigo, ĉar, se laboras multaj grupoj pri teknikaj kaj pri komercaj aferoj, oni bezonas absolute centron, kie oni prizorgas la akordigon de la tuta laboro. Ĉar la teknikistoj okupas sin pri la fabrikado de la samaj varoj, kiuj estas la objekto de la komerco, oni facile vidas, ke estas necese malhelpi kreon de diversaj vortoj esprimantaj saman ideon. Aliflanke la sciencistoj ofte pritraktas samajn faktojn kiel la inĝenieroj, nur el alia vidpunkto. Plie oni bezonas malsamajn, diversajn vortojn por malsamaj ideoj; oni evitu la samnomajn vortojn — kiel laŭ mia persona opinio ankaŭ la samsencajn. Ekzemple germanlingve *Konsendator* signifas parton de vapormaŝino kaj elektran aparaton, grava parto de lumprojekciilo nomiĝas *Kondensor;* en franca lingvo kontraŭe oni nomas la lastan parton *condensateur.* Oni vidas, ke la klareco de la scienca kaj teknika lingvo postulas tre zorgeman atenton.

Oni konstatis, ke estas utile kaj por ŝparo de laboro absolute necese, ke ĉiu samideano, kiu volas labori pri vortaroj, anoncu tion ĉi al la Direktoro de sekcio komisiita de la Akademio pri tiu ĉi fako por diskonatigo al la interesiĝantoj. La adreso de la nuna direktoro estas: S-ro Rollet de l'Isle, rue du Sommerard N° 35, Paris V.

La kunvenintoj opinias, ke estas la devo de la inĝenieroj esperantistaj, okupiĝi laŭeble kaj akceli la enkondukon ĝeneralan de internaciiĝantaj normoj.

*D-ro Hanauer.*
Berlin-Charlottenburg.

---

## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj.

**Raporto pri ĝenerala jarkunveno okaze de XVIa en Vieno.**

La 8-an kaj 9-an de aŭgusto okazis ankaŭ la jarkunveno de IAEF. Prezidis Josef Blažek, fervoja inspektoro, vicprezidanto de IAEF. Protokolisto Ilija Puhalo, fervoja oficisto, Delegito por Jugoslavio. Ĉeestis 45 membroj kaj gastoj el Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danujo, Germanujo, Italujo, Jugoslavio, Svedujo, kaj reprezentanto de ĉeĥoslovaka gazeto „Tribuna", S-ro ĉefkomisario de Komerca Ministerio A. Pitlík.

Tagordo:

1. Jarraporto de estraranoj kaj landaj delegitoj.
2. Elekto de nova estraro.
3. Faka revuo.
4. Kotizoj.
5. Liberaj proponoj.

La tagordo estis sukcese pritraktita en du kunsidoj. Pro malkontenteco de delegito por Aŭstrio, S-ro H. Steiner, kaj la anstataŭanto de delegito por Germanujo, S-ro Blankenheim, okazis malpaciĝo inter la anaro. La sekvoj de tiu malagrabla malpaciĝo (kies kaŭzo estis S-ro Steiner kaj S-ro Blankenheim, kiuj ne volis atendi la diskuton de la tagordo, sed volis perforte altrudi iliajn proponojn, kiuj ne estis ĝustatempe kaj laŭ la statutoj faritaj kaj alsenditaj al estraro) estis la eksiĝo de ili kaj fondo de nova fervojista Asocio.

Ceteraj anoj, kiuj ne konsentis kun suprenomitaj sinjoroj, ne eksiĝis, sed restis por pridiskuti la tagordon.

Post la raportoj de estraranoj estis elektita nova estraro konsistanta el jugoslavaj samideanoj. La kaŭzoj de tiu elekto estas, ke jugoslavaj samideanoj promesis plenumi malnovan deziron de niaj anoj nome eldonadi regule nian fakan revuon.

Tio al ili sukcesos, ĉar eldonadkostoj estas en Jugoslavio tre malaltaj. La proponon de tiu kandidatlisto aprobis skribe ankaŭ samideanoj el Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francujo, Italujo, Svedio ktp. La estraro konsistas el:

Prezidanto: Stevan Stojnič, kontrolisto de ĝenerala fervoja direkcio en Beograd, kolonija Min. Saobraćaja N-ro 17, Jugoslavio.

Vicprezidanto kaj redaktoro: Ilija Puhalo, fervoja oficisto, Zagreb, Jezuitska ul. 1, Jugoslavio.

Sekretario: Pavao Butkovič, fervoja oficisto, Zagreb, Jezuitska ul. 1, Jugoslavio.

Kasisto: Emil Slaviček, fervoja oficisto, Zagreb, želj. sprenište materijala, Jugoslavio.

Revizoroj: 1. Katica Ščuka, fervoja oficistino, želj. stanica Koprivnica, Jugoslavio; 2. Stjepan Sobota, fervoja oficisto, želj. stanica Koprivnica, Jugoslavio.

Asesoro: Stjepan Mužinič, fervoja oficisto, Zagreb, Kukuvičeva ul. 31, Jugoslavio.

Rilate eldonadon de nia propra fakrevuo estis decidite, ke ĝi regule aperadu en Zagrebo.

Difinitaj estis la kotizoj por 1924-1925 asocia jaro.

Liberaj proponoj estis de S-ro Řebříček el Olomouc (Ĉeĥoslovakio) pri organiza laboro de faka terminaro; de S-ro Blažek el Olomouc (Ĉeĥoslovakio) pri surskriboj en vagonoj, stacioj, vaporŝipoj, kiuj, se ili estus krom nacilingvaj ankaŭ esperantlingve skribitaj, multe utilus al la vojaĝantaj fremduloj esperantistaj; de S-ro Ilija Puhalo el Zagreb (Jugoslavio) pri la elekto de delegitoj por ĉiu direkcio, fervojokompanio, por ke oni povu tiamaniere plifaciligi la propagandon inter fervojistoj.

Post tio nove elektita vicprezidanto entuziasme salutis ĉeestantajn geanojn invitante ilin, ke ili subtenu nove elektitan estraron, kiu promesas efektivigi nian malnovan deziron, t. e. eldonadon de nia propra fakrevuo. Dezirante al ĉiuj feliĉan revojaĝon al iliaj hejmoj kaj kun deziro ĝis la revido okaze de XVIIa Universala Kongreso li fermis la kunvenon.

Ĉiulandaj fervojistoj, kiuj ne estas anoj de IAEF., bonvolu sin turni al vicprezidanto por ricevi novan fakan revuon, kiu regule ĉiumonate aperados.

*Ilija Puhalo,* fervojoficisto
vicprezidanto de IAEF.

## Centra Dana Esperantista Ligo.

**Ĝeneralkunveno kaj Jarkunveno 8—9 junio 1924.**

La ĝeneralkunveno de C. D. E. L. ĉi tiun jaron okazis la 9an de junio en Aarhus, la ĉefa urbo de Jutlando. Samloke ankaŭ estis aranĝita kongreseto aŭ jarkunveno, kie ĉeestis ĉirkaŭ 35 esperantistoj el 10 diversaj urboj.

La prezidanto de la Aarhusa klubo, S-ro C. A. Hvorslev, salutis al ni bonvenon, en la komforta kunvenejo Paloe. Poste ni ŝipveturis al la konata ekskursejo Ornereden, kie oni preparis la matenmanĝon ĉe la bela blua maro. Dumvoje hejmen ni faris ĉarman promenadon tra la arbaro, haltante ĉe Varna por esti fotografataj. Je la 6 vespere la samideanoj denove renkontiĝis en Palae ĉe tre gaja komuna manĝado. Malfrua disiĝo post tagmanĝo kaj post multaj paroladoj kaj kantoj:

Dum la luma nokto ni
Diboĉetas kun humor',
Tamen haltu la orgi'
Antaŭ grava lundlabor' —

ĉar lunde, sufiĉe frumatene, komencis la ĝeneralkunveno de C. D. E. L. Laŭ la tagordo la prezidanto prezentis raporton pri la dumjaraj okazintaĵoj. El speciala intereso estis la ĵus aperinta dana traduko de la raporto de la Ligo de Nacioj. La prezo estas sv. fr. 0,60 por 60-paĝa verketo. Oni ankaŭ estis represinta novan eldonon de malgranda „Esperanto-Kantaro“, precipe tradukoj de naciaj danaj kantoj, prezo sv. fr. 0,20. Ankaŭ novaj statutoj de C. D. E. L. aperis dum la jaro.

La ĝeneralkunveno konstatis unuvoĉe per rezolucio, ke ĝi bontaksis la laboron faritan de C. D. E. L. kaj ĝia prezidanto.

La kasistino, F-ino Johanne Jensen, komunikis la jaran kalkulaĵon, kiu bilancis per budĝeto de 1000 sv. fr. Oni unuvoĉe aprobis ĝin.

La fina listo de la reprezentantaro de C. D. E. L. fariĝis post la elekto: S-ro Martin Blicher, prez.; S-ro Georg Hinrichsen, vicprez.; F-ino Anna Petersen, sekr.; F-ino Johanne Jensen, kas.; S-ro C. H. Hvorslev, Aarhus, S-ro A. Madsen, Odense, F-ino Agnes Melchior, Kallundborg.

Al la honora prezidanto, S-ro J. Wulff, sendis la ĝeneralkunveno saluttelegramon. De la eksterlando venis salutoj de la germana kongreso en Plauen, P-ro Th. Cart kaj „Esperanto Triumfonta“.

La ĝeneralkunvenon postsekvis laborkunveno, kie S-ro Palsberg komencis diskutadon pri novstarigo de „Dana Esperanta Gazeto“ kaj F-ino Margrethe Noll pri gazeta servo. Multaj parolis pri tiuj ĉi temoj, kaj oni finis per du rezolucioj en tiuj rilatoj.

Post adiaŭa vespera kunesto la partoprenantoj de la jarkunveno disiĝis, konvinkitaj pri sukcesplena renkontiĝo kaj dankemaj pro la bona akcepto de la Aarhus'aj samideanoj. Laŭ afabla invito de S-ino Magda Mammen oni forte esperas, venontan jaron kongresi en Grenaa.

*Martin Blicher*, prezidanto
de Centra Dana Esperantista Ligo.

---

## Svisa Esperanta Societo.

Dimanĉon, 28an de septembro 1924, la Svisa Esperanta Societo kunvenis en Hôtel Bielerhof, Biel, sub la prezido de D-ro Edmond Privat. 60 membroj kaj delegitoj partoprenis. 15 grupoj oficiale sin reprezentigis per 18 rajtigitaj delegitoj havantaj 31 voĉojn. La societo nombras 358 membrojn, partigita inter 21 grupoj.

La prezidanto bonvenigas nian plej novan grupon Olten, fondita en Decembro 1923. Ĉeestas ankaŭ samideanoj el diversaj proksimaj lokoj.

Kiel kutime legiĝis la protokolo de la antaŭa kunveno kaj la kasraporto, ambaŭ akceptitaj.

D-ro Privat raportis pri la dumjara agado de la societo. La C. K. de S. E. S. petos la registaron, apliki en Svislando la rekomendon de la Ligo de Nacioj.

D-ro Spielmann, vic-prezidanto de Ilepto, anoncis:

1. ke sekve de la longe antaŭe preparita peticio, la Svisa Poŝt- kaj Telegrafa Direkcio sin deklaris preta subvencii Esperanto-kursojn por la poŝta, telegrafa kaj telefona personaro;
2. ke la ĵus okazinta Viena kongreso de I. P. T. T. (Internacia Unuiĝo de la personaro en Poŝto, Telegrafo kaj Telefono) oficiale akceptis Esperanton.

Per sekreta baloto D-ro Privat estis unuanime reelektita kiel prezidanto, kaj sekve Genève fariĝas denove ĉefgrupo. La loko por la proksima kunveno estas fiksota de la C. K. laŭ la cirkonstancoj. Kotizoj restas samaj: fr. 1.— po grupano, fr. 4.— po izolulo.

Laŭ la propono de S-ro Edmonds al K. R. pri starigo de internacia eksperimento pri la instruado de Esperanto al komercistoj, la komerca Esperanto-grupo en Zürich okazigos kurson laŭ la starigita programo. Bern, Olten kaj kelkaj aliaj grupoj akordiĝos laŭ tiu programo.

La intereso pri radio pli kaj pli grandiĝas, kaj jam en kelkaj grupoj esperantistoj aliĝis al radio-societoj por sciiĝi pri la radiotekniko kaj samtempe sciigi la senfadenistojn pri la Esperantomovado. Kelkaj radio-kluboj akceptas esp rantistajn aŭskultantojn.

Al C. K. estas rekomendite starigo de internaciaj membroj, helpantaj per iliaj kotizoj samtempe al UEA kaj al nacia societo.

Estas starigita speciala komisiono por propagando kaj gazetservo en germanparolanta Svislando; prezidanto estas S-ro Th. Kutzli, St. Gallen; komisionanoj: S-ro Paul Hofer, Hägendorf bei Olten, S-ro Jules Perlet, Chutzenstrasse 17, Bern, S-ro Karl Jost, Culmannstrasse 57, Zürich 6.

S-ro Karl Jost, kiu prizorgas la bibliotekon de S. E. S., petas, ke oni sendu al li malnovajn gazetojn kaj revuojn por kompletigi kolektojn.

F-ino E. Straub, Oratoire 3, Neuchâtel, havas ankoraŭ certan kvanton da broŝuroj vendotaj, precipe „Warum Esperanto?“. Tiu ĉi lasta, laŭ decido de la kunveno, estas sendota senpage al la grupoj, kiuj petos ĝin.

La Svisa Esperanta Societo, post longa diskuto, decidis inviti la XVIIan Universalan Kongreson al Genève, ĉar neniu alia nacia societo invitis. La tiurilata diskuto montriĝis ĝojiga, ĉar jam el multaj grupoj sin anoncis samideanoj, pretaj por helpi dum aŭ iom antaŭ la kongreso.

Simpatia atmosfero regis dum la tuta kunveno, kaŭzita unuflanke per la ĝojo, kiun ĉiam donas gajnita sukceso post longa penado, kaj aliflanke per la kuraĝigo kaj nova laborkapablo, kiu rezultas el la kontakto kun fervoraj pioniroj.

Tagmeze la delegitoj iom ripozis dum komuna tagmanĝo dum kiu ni aŭdis paroladojn de niaj gastoj: urbkonsilanto S-ro Chopard el Biel; S-ro Sjöstedt, prezidanto de Radio-Societo Svisa en Neuchâtel; P-ro Charles Baudouin, psikologo en Genève, kaj S-ro Burkhardt el Biel. Kaj ni ne finu nian raporton, ne kore dankante al S-ro Burkhardt pro lia helpo por organizo de parolado farita sabaton vespere de D-ro Privat kaj D-ro Spielmann. Kurso estis poste organizata, kiun tre afable estas preta gvidi S-ro Schmid-Lohner. La urbestraro invitis al ĝi la instruistojn.

*

Sabaton posttagmeze okazis en Neuchâtel ekzamenoj prezidataj de S-ro Sroele, prezidanto de Ekzamena Komitato. La tri enskribitaj kandidatoj sukcesis pri la supera ekzameno kaj ricevis diplomon, solene disdonitan dum la dimanĉa kunsido.

*Alice Diekmann.*

Laŭ peto de la kunvenintaro de S. E. S. en Biel la 28 septembro 1924, ni donas ĉi sube la ĉefajn ciferojn de la pasintjara kasmovado de S. E. S. La elspezoj estas pli altaj ol kutime, ĉar la kotizaĵo al C. K. per K. R. estas elprenita duoje (por 1923 kaj 1924) el la budĝeto de tiu ĉi jaro.

| | |
|---|---|
| Malnova saldo 1923 . . . | Fr. 343,30 |
| Enspezoj de la jaro . . . | „ 464,— |
| Suma bonhavo | Fr. 789,30 |
| Elspezitaj dum la jaro | „ 672,— |
| Nuna saldo | Fr. 117,30 |

*Enspezoj:* Enkalkulante la du grupojn kiuj pagis sian kotizon post la fermo de la jarkonto ni konstatas, ke por 1924 pagis entute 17 grupoj kun 332 membroj. Same enkalkulante plian izol ulon kiu poste pagis, 11 izolaj membroj pagis por la jaro 1924. Por la radio-kurso ni ricevis donacon de Fr. 50,—.

| | |
|---|---|
| *Elspezoj:* Subvencio al lastjara jarkunveno en Bern | Fr. 50,25 |
| Nova kotizo al C. K. de Esperanto-movado por 1923 | „ 100,— |
| Nunjara kotizo al C. K. de Esperanto-movado por 1924 | „ 100,— |
| Subteno al Konferenco de K. R. dum Pasko en Genève | „ 50,— |
| Kurso de Esperanto per radio-stacio . . . . . . . | „ 126,80 |
| Subvencio al propaganda parolado kaj jarkunveno en Biel | „ 100,— |
| Diversaj elspezoj poŝtaj kaj administraj, presado de cirkuleroj, abono al Argus ktp. . . . . . . . . | „ 144,95 |
| Sumaj elspezoj | Fr. 672,— |

*Yvonne Bouvier*, kasistino de S. E. S.

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhardt-Str. 22., Dresden-A. 19, German.

*Novembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

La aŭgusto-septembro-numero de „Esperanto" bedaŭre enhavas nur represon el la Kongres-bulteno de nesufiĉa protokolo pri niaj du unuaj kunsidoj en Vieno. Mankas en ĝi cito de la tagordo kaj de kelkaj diskuto-rezultatoj, i. a. la decido pri punkto 4 d de la tagordo. Interesuloj bonvolu legi la pli precizan protokolon en N-ro 210 de „Esperanto Triumfonta". Tiu punkto koncernas kontroladon de manuskriptoj, eble la plej grava temo, ĉar kritiklegado estas ĉefa laboro de E. L. A. Pro ĝi nia asocio fondiĝis kaj laboris ĝis nun. Ekzamenante manuskriptojn, la E. L. A.-kolegoj kutimas ne „korekti" ilin, sed noti sur aparta folio „ŝanĝproponojn". Laŭeble ni aranĝas, ke du diversnaciaj anoj kritiklegas manuskripton, kaj ke poste la verkinto aŭ tradukinto ĝin ricevas por korekti ĝin laŭ la ricevitaj ŝanĝproponoj. Li, la verkinto, estas devigata *akcepti* ĉiujn proponojn rilatantajn al stilo kaj gramatiko. Nur se temas pri „aferoj de gusto", li estas libera, akcepti aŭ malakcepti la proponojn de kolegoj. Se la verkinto por presigo de l' verko deziras *rekomendon* de E. L. A., estas necese, ke pro finkontrolo li ankoraŭfoje sendu la manuskripton al nia administracio.

Tial, ke la nunaj vivkondiĉoj plejparte ne permesas honorofican laboron, ekzamenado de manuskriptoj de nun ne povas okazi senpage. La sumo pagota — ne laŭ plej alta tarifo! — je ĉiu manuskripto estas fiksata.

En nia dua fakkonferenco ni aŭdis bonegan referaton de S-ro Jean Forge Fethke. Li proponis novan vojon ĝis nun neiritan: tradukadon de Esperanto-verkoj nacilingven. La sukceso konvinkos eble ĉiun pri la taŭgeco de Esperanto. Por povi traduki el Esperanto en naciajn lingvojn, estas necese, posedi originalajn verkojn.

Ni emas alvoki al niaj anoj: verku originale! — Ĉu oni povas instigi la homon al originala verkado? Ni provu! La impulso verki ion ja venas el la interno de l' homo, sed eble nia alvoko instigas, ke la ideoj por verko estiĝantaj en la spirito surpaperiĝu kaj poste estu donacataj al la esperantistaro. Per tradukado de Esperanto-verkoj nacilingven ni sendube kaj plej efike konvinkos dubantojn, ke Esperanto vivas. La originala romano „Abismoj" de Jean Forge (Fethke) estas tradukita jam en kvar naciajn lingvojn.

La rezolucio laŭ propono de S-ro Wiesenfeld, akceptita de nia dua kunsido en Vieno, en preciza formo estas: „E. L. A. *senkondiĉe* obeu la decidojn de la Lingva Komitato, kiuj ajn ili estu."

*Manuskriptoj lastatempe kontrolitaj:* „La blankĉevalrajdanto" de Theodor Storm, tradukita de Heino Heitmüller, Bremen; „La burĝo nobelema" de Molière, tradukita de Richard Levin, Lyon.

*Manuskriptoj kontrolataj:* „La suferoj de la juna Werther" de Goethe, tradukita de D-ro Bischitzky, Praha; „De trans la maro" de Th. Storm, „La tri nuksoj" de Kl. Brentano, ambaŭ tradukitaj de Leono Funken, Koblenz; „Kordoj de l' tero" de N. K. Roerich, tradukita de Edgaro Grot, Riga; poemoj originalaj de profesoro Riedl, Nová Paka; poemoj originalaj de J. Reisinger, Genève.

*Afable alsenditaj libroj:* profesoro Riedl ĵus aperigis du volumetojn: „Antikva melodio", ciklo da senrimaj poemoj bonege sukcesintaj, la poemaro efikas sur la animon kiel plej delikata muziko; „Printempa Melodio", belega poemo, kiu vere freŝigas la koron. — Dankon por alsendo!

*Danke ni kvitancas jenajn kotizojn:* S-ro P-ro Christanell (33000 kr. a.), S-ro Jos. Reisinger (5 fr. sv.), S-ro Ed. Wiesenfeld (1 dolaro).

*Aliĝis:* S-ro Michele Arabeno, del. de UEA kaj unua hon. m. de la Laborista Esperanto-Grupo, Via Crimea, 8—24, Genova, Italujo; D-ro med. V. Austerlitz, Bardiov, Ĉeĥoslovak.; S-ro Johannes Bieg, kom. instruisto, Pliensaustr. 36, Esslingen a. N. (Wttbg.), Germ.; S-ro Ch. Bronsztejn, pl. Zel. Bramy 2, Warszawa, Pol.; S-ro Edgaro Grot, ĵurnalisto, Elizabetes iela 9, dz. 33, Riga, Latvio (Eŭropo); S-ro Percy T. B. Hudson, hon. sekretario de A. E. A., Junction Hotel, Oakleigh, Victoria (Aŭstralio); F-ino E. B. Ireland, 10 Eaton Road, Hove, Sussex, Anglujo; S-ro J. B. Miller, rektoro, Waldsee (Wttbg.), Germ.; S-ro Franz Schulte, Schederhofstr. 141, Essen-Ruhr, Germ.; F-ino Trutnau, Philippinenstr. 9, Essen-Ruhr, Germ.

*Johanna Zschepank.*

## KRONIKO.

### Ameriko.

*Arden, U. S. A.* (Delaware). — La „Esperanto-Asocio de Norda Ameriko" havis sian XVII-an Kongreson en la vilaĝo Arden (ŝtato Delaware), la 9-an—13-an de julio 1924. Partoprenis 55 kongresanoj. Oni elektis C. J. Bardorf (Montreal) prezidanto; L. S. Mare (Merchantville) vic-prezidanto; F-ino E. J. Meriam (Boston) sekretario; B. P. Mann (Washington) kasisto; H. M. Hetzel (Philadelphia) estro de la Agada Komitato.

*Denver* (Col.) — Esperanto-klason por junuloj gvidas S-ro W. Bucheim je la Y. M. C. A.

Nova Esperanto-klaso malfermiĝos okt. 15, je la Denver Libera Kolegio, gvidota de S-ro James P. Smith.

Klaso por progresintoj komenciĝos samtempe kaj samloke, gvidota de S-ro Hyman Levine.

*Rio-de-Janeiro* (Brazilo). — La 28 junio lasta, en la sendstacio Praia Vermelha (S. P. E.), kiu apartenas al la Nacia Telegrafo, D-ro Everardo Backheuser, profesoro de la Universitato, faris interesan paroladon por Esperanto, al kiu li donis

la pensigan titolon: „Necesega komplemento al la Radiotelefonio“. Ĝin finante li anoncis kurson farotan ĉiusabate de S-ro inĝen. Luiz Porto Carreiro Netto kaj Esperante salutis sian aŭdantaron.

Jam antaŭe, en 1923 kaj en la komenco de la nuna jaro, tiu sama sendstacio elradiis esperantajn poeziojn deklamitajn de F-ino Maria Luiza Bocayuva.

Dum la Unua Interŝtata Kongreso de Medicinaj Studentoj, okazinta en la lasta junio, S-ro Natalicio de Farias faris bonegan paroladon pri „La neceso de la disvastigo de la lernado de Esperanto en la Medicinaj Fakultatoj“.

S-ro Natalicio de Farias estas prezidinto de la societo „Tertulia Academica“, kiu konsistas precipe el medicinaj studentoj kaj havas esperantan kurson por siaj membroj.

La lernantoj de tiu kurso intencas interesigi la eldonistojn por la tradukado en Esperanton de gravaj medicinaj verkoj, kiuj restas nekonataj pro la malfacileco de la lingvo, en kiu ili estas verkitaj.

*New York.* — La 9an de majo en speciala kunveno membroj de Harmonio-Klubo organizis Novjorkan filion de I. R. A. 26 aniĝis al Internacia Radio-Asocio. Grava fakto por I. R. A. kaj Esperanto estas, ke S-ro E. Jay Quimby, prezidanto de Radio-Asocio de Novjorka Distrikto, entuziasme konsentis akcepti elekton kiel Amerika Sekretario de I. R. A. S-ro Quimby estos — jam estas — efikega propagandisto por nia afero. Federacio de radio-kluboj, de kiuj li estas prezidanto, ĵus akceptis Esperanton kiel mondan radio-lingvon kaj avide studas la lingvon. Ĉiu radio-amatoro aŭ Esperantisto en Ameriko, kiu interesiĝas pri I. R. A. estas petata aniĝi per sendo de 25 centoj ($ 25) al S-ro E. Jay Quimby, Radio-Association of Greater New York, 587 West 181st Street, New York City. Pli ol la membro-kotizo estas urĝe petata, por ke pli efika propagando en la nun tre grava radio-kampo de Ameriko estu farebla.

*San Francisco.* — S-ro Allen H. Babcock, ĉefa elektra inĝeniero de Sud-Pacifika Fervojo kun oficejoj en Southern Pacific Building, San Francisco estis elektata kiel Direktoro de la „Western Division“ de la American Radio Relay League. Li estas fervora dum multjara Esperantisto kaj dumviva membro de UEA. Sendube li antaŭenigos la movadon inter la amatoroj de Radio kiuj estas tre multaj.

Dum monato majo la sekvantaj personoj parolos ĉe La Vero Foundation, 1212 Market Str.:

Andrew Snider Vinzent: Esperanto en Komerco.

F-ino May d. van Sloun: Kio okazis en la Loka Grupo dum lastaj jaroj.

Fred Rivers: Kelkaj Rimarkoj pri la Estonto de Esperanto.

Edward M. Rosher: Esperantaj pensoj.

Du klasoj, unu instruata de Kapitano Postnikov ĵus ekzamenis kaj donis ateston pri lernado al sep gestudentoj kaj nun instruas alian klason ĉe oficoj de Delegito Ames.

Alia klaso gvidata de S-ro Rivers ĉe La Vero Foundation, kie oni havis ĉiulunde paroladon esperantan de iu bonkonata esperantisto. Parolis dum monato aprilo S-roj delegito Ames kaj inĝeniero Rosher. Taĝjurnaloj estas favoraj.

*Los Catos, Calif.* — Du klasoj, unu ĉe Teosofia Societo kaj alia ĉe Montezuma Lernejo por Knaboj, kie dekdu studentoj kaj du instruistoj lernas la lingvon. Kiam komenciĝos nova lernjaro la lernado estos deviga. Profesoro de lingvoj nun konstatas, ke Esperanto helpas en la lernado de Latino. Instruanto estas delegito E. A. Rogers, lernejestro.

*Oakland, Calif.* — Taĝjurnaloj tre favoraj. Oni penas aranĝi per Radio-stacio dissendi lecionojn en Esperanto kiel oni sukcesas instrui Hispanan lingvon.

*Tacoma Washington.* — Organizo de Verda Stelo Esperanto-Klubo, kiu kunvenas ĉe 1109, 1—2 A Str. Gvidanto estas iama delegito John W. Woods.

## Aŭstralio.

*Melbourne.* — Aŭstralianoj jam entuziasmiĝas pri sia kvina Esperanto-Kongreso. Ŝajne estos pli granda ol la pasintaj, ĉar ĝi okazos en Melbourne, dum pasko 1925, la centro de la Aŭstralazia Esperanto-movado.

Alilandaj samideanoj, kiuj eble vojaĝos suden dum la venonta jaro, faros al ni grandan honoron, se ili partoprenos nian festan semajnon. La sekretario estas R. R. Rawson, 212 Swanston St., Melbourne.

## Aŭstrio.

*Salzburg.* — Esperanto-Grupo sciigas, ke la nova klubejo nun troviĝas en hotelo Wolf-Dietrich, Wolf-Dietrichstrato N-ro 16. Merkrede (ĉiam) okazos la ĉiusemajna klubkunveno je la 20a h. Adreso ĉe prezidanto R. Grössinger, Salzburg, Elisabethstrato 17.

## Azio.

*Ĥarbin* (Manĝurio). — Se en jaroj 1922-23 nia loka movado estis tre malforta, eĉ nerimarkebla, en la kuranta jaro ĝi iom plivigliĝis kaj ni emas atendi bonajn sekvojn. Multe helpis tion la alveturintaj rusaj, japanaj, koreaj kaj ĉinaj samideanoj. En januaro nin vizitis: du koreaj komencintoj esperantistaj el Soeul, instruistoj de meza lernejo; unu japana pentristo (Nakagaki) el Hejzo; kaj japana propagandisto de Esperanto en Koreo, S-ro Ojema. En majo alveturis fama esperantisto, japana inĝeniero, redaktoro de „Orienta Revuo“ el Tokio, S-ro K. Ossaka; li vojaĝis en Ĉinujo, Koreo, ĉie semante esperantismon tre sukcese. En nia urbo li tralegis lecionon antaŭ japanoj, kaj rezulte — komenciĝis kursoj en japana biblioteko por 25 gejapanoj, kursoj por studentoj en la Instituto. Sperta aŭstriano Vitoŝinskij instruas private la redaktoron S-ron Jamamoto kaj lian edzinon.

Tia estas la evidenta denuna vojo. Por ligo de tiuj malsamaj elementoj ni decidis starigi neŭtralan organizacion: Internacia Esperantisto Klubo. Estis jam unua preparkunveno de la iniciatintoj, kiun ĉeestis: japanino, du rusinoj, du japanoj, mi, aŭstriano (Vitoŝinskij) kaj polo. Estis elektita provizora komitato, kies prezidanto estas japano, S-ro Jamamoto, vicprezidanto mi, sekretario S-ro Vitoŝinskij.

Por pliinternaciigi esperantan movadon ni venigas mongolon el Moskvo, S-ro Ĥajan Ĥirov, por kia celo mi kolektas monon inter rusoj, ĥinoj, japanoj kaj koreoj. Li estas fidela esperantisto, emas propagandi Esperanton inter tibetanoj kaj mongoloj.

Tiaj estas niaj novaĵoj. Ni penadas akiri la literaron esperantan por presmaŝino (tiun lastan mi disponas, laborante kiel presisto en Eduka Fako de Fervojo); presi kaj komposti povas mi. Tiam ni povas komenci eldonon. — Tia estas nia nuna movado kaj agado.

Inocento Seriŝev, VD de UEA.

**PERSIO.** — *Tabriz.* La Del. de UEA, S-ro A. Akber Nemseĉi, per sia longtempa laborado sukcesis revivigi la dormantan „Tabriza Esperantista Societo'n“ kaj kunigis ĝin kun la loka esp. grupo. Speciala ejo estas aranĝita en tre komuna strato de la urbo, kun granda societa elpendaĵo kun esp. skribo kaj verda stelo sur la strata pordo.

La delegito esperas, ke li sukcesos post iom da tempo aperigi esp. propagandan gazeton.

Verkistoj, eldonistoj, gazetistoj kaj esperantaĵ-vendistoj sendu ekzempleron, volumon kaj katalogon de viaj aĵoj, verkoj, gazetoj al Tabriza Esperantista Societo, por ĝia aranĝita biblioteko, legejo por diskonigi viajn verkojn en Tabriz kaj ebligi al ni la propagandon. Sendante ekzempleron nenion vi perdos, sed al ni multege helpos. La societo antaŭdankas karajn helpantojn.

Adr.: Tabriza Esperantista Societo, pere de S-ro Ali Akber Nemseĉi, delegito de UEA, Seŝklan, Tabriz.

JAPANLANDO. — Ni ricevis de nia samideano S-ro Fujisava, membro de la Lingva Komitato, tre interesan leteron el Tokio, kie li ĵus faris serion da prelegoj en la jura Fakultato de la Imperia Fakultato pri la Ligo de Nacioj.

Interalie li pritraktis la temon pri Esperanto kiel necesa helplingvo de la japana popolo por internaciaj rilatoj.

„Pro la tertremo, la ĉefurbo japana ne havas plu aspekton de urbo, sed kvazaŭ de vasta vilaĝo, skribas S-ro Fujisava; eĉ la ĉerizfloroj ĵus plenmalfermaj ŝajnis pligrandigi mizeran kontraston kun la ĉirkaŭaĵo. La hejma domo, kie mi naskiĝis, estas kruele bruligita per teruraj flamoj elŝprucintaj pro eksplodo de la apuddoma armilfabrikejo."

Nia movado tre progresas en la tuta lando kaj la plej granda parto de niaj japanaj samideanoj estas junaj universitataj studentoj.

En la ministrejo de socia prizorgado, eĉ altrangaj oficistoj eklernis Esperanton por interkorespondi kun la Internacia Labor-Oficejo en Ĝenevo.

En Tokio, malgraŭ la katastrofo, okazas multaj kursoj kaj vendiĝas ĉiuj esperantistaj libroj eldonataj en Eŭropo kaj Ameriko.

Koran simpation kaj kuraĝigon al niaj japanaj amikoj!

„Fondiĝis Tuta Kjuŝua (Kiuŝiu'a) Esperantista Ligo, al kiu apartenas 13 grupoj en diversaj lokoj en insulego Kiuŝiu. Nova kurso komenciĝis en la Kiuŝiu Imperia Universitato dufojojn ĉiusemajne; mi gvidas la kurson kaj por urbanoj de la 12a komenciĝos novaj kursoj: elementa kaj mezgrada. La elementa kurso estas gvidata de profesoro Ohohima kaj la meza, ĉe kiu oni uzas „La Paroladoj de Zamenhof" estas gvidata de mi. Esperanta Karavano ĉirkaŭ la insulego Kiuŝiu okazos en la venonta somero." Ĉ. Fujisava.

*Sendai.* — Ĉiuj Sendai grupoj de Esperantistoj kunligis sin sub la nomo „Sendai Esperantisto-Federacio". Kiel unua penado ili proponis la fondon de internacia sociala organo, kiu ricevis grandan aplaŭdon de publiko en Sendai. En la 28a de junio la unua kunveno havis lokon ĉe Sêyôken Restoracio, kie 60 gesinjoroj el diversaj landoj ĉeestis kun granda ĝojo. Sub la gvido de urbestro S-ro Kanomata ili decidis jene:

1. Nomo: Sendai Homfrataro-Klubo.
2. Ĉelo: S-ro Ogawa, estro de Tôhoku Imper. Universitato.
3. Sekretarioj: S-roj O. Muto, K. Kurosawa, M. Kayaba, samaj sekretarioj je Sendai Esp.-Federacio.
4. Deklaro: Kiel enmetita.
5. Tempo de kunveno: Printempo kaj aŭtuno.

En japana regno angla lingvo estas fariĝanta la dua lingvo. Depost Usona Parlamento pasigis leĝproponon kontraŭ Japana Emigracio neamika sento kontraŭ Usono altiĝas tre multe. Disputoj forpeli anglan lingvon aperas en kelkaj ĵurnaloj. La „Tokio Asahi", la plej granda ĵurnalo en Tokio publikigis artikolon por adopti Esperanton anstataŭ angla lingvo. Granda eĥo sekvis. U. Isikawa.

Kristanoj en Sendai projektas la fondon de Nippon-Kristana Asocio.

Esperanto-Fako de Osaka Filio de Japana Asocio por la Ligo de Nacioj aranĝis Esp.-kurson pri ĉ. 150 urbanoj kaj tre mirinde sukcesis. Gvidinto: S-ro T. Aisaka, delegito de UEA. (16. VI.—18. VII. trifoje semajne).

Japana Asocio por la Ligo de Nacioj eldonis gvidlibreton pri la Ligo de Nacioj, speciale por japanaj Esperantistoj.

Japana Asocio por la Ligo de Nacioj kaj la Osaka-Filio de la Asocio sendis reprezentantojn al la XIIa Japana Esperanto-Kongreso. S-ro Susumu Aibara reprezentis la Asocion kaj S-ro Tadaŝi Aisaka, la Osaka-Filion.

D-ro G. J. Ramstedt, Finnlanda Ministro en Tokio, faris bonan paroladon pri „Finnlando kaj la Ligo de Nacioj" en nia komuna lingvo Esperanto antaŭ 1500 studentoj de Keio-Universitato, Tokio. (La 9an de junio 1924).

Por festi mondfaman, pacaman filozofon Kant, multe da universitatoj kaj aliaj institutoj aranĝis memorkunvenon je la 22a de aprilo. Japana Asocio por la Ligo de Nacioj, Japana Esperanto-Instituto kaj aliaj organizaĵoj kunaranĝis „Internacian Pacan Tagon" dum tri tagoj. Je la unua tago S-ro Ĉikao Fuĵisaŭa paroladis pri Esperanto kaj Internacia Edukado antaŭ 200 aŭskultantoj. Programfolio por la tri tagoj havas bonegan artikolon pri Esp. kaj Internacia Edukado de S-ro Ĉ. Fuĵisaŭa.

Por propagandi Esperanton, Koncerto estis aranĝita de Keio-Medicina Esp.-Asocio kaj Todai-Medicina Esp.-Asocio. Malgraŭ pluvo, la kunveno treege sukcesis kun mil aŭskultantoj.

## Belgio.

*Gent.* — Jena rezolucio estis akceptita dum grava kunveno: I. La Internacia Kooperativistina Konferenco kunveninta en Gent sentante la bezonon je internacia lingvo kiel reciproka interkomprenilo kaj dezirante eviti temp- kaj monperdon pro traduko de ĉiuj paroladoj en diversajn lingvojn, decidas klopodi enigi Esperanton en la popolajn lernejojn de ĉiuj nacioj. — II. La Konferenco komisias al la Internacia Kooperativa Virina Komitato esplori kiamaniere fondi Esperantan Kooperativan Gazeton kaj fari proponon tiurilate al la sekvonta kunveno de la Internacia Kooperativa Virina Gildo.

## Britlando.

*London.* — Subĉielaj propagandaj kunvenoj okazas regule en Hyde Park, Finsbury Park kaj Clapham Common. La 22 septembro S-ro Aug. Pitlík, prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto, parolis en Hyde Park en Esperanto kun interpretado, kaj respondis esperante al demandoj pri laboristaj kaj industriaj cirkonstancoj en Ĉeĥoslovaka Respubliko. — Oficialaj Esperanto-kursoj okazos en sep vesperaj institutoj dum komenconta sezono.

## Bulgario.

*Sofia.* — Post kelkaj Esperanto-kunsidoj bone vizititaj de la gestudantoj oni decidis renovigi la malnovan studantan esperantistan grupon. Estas akceptita nova regularo kaj elektitaj por estraro de la grupo la samideanoj Miĥail Aĝarov, S. Venkov kaj Z. Boĉev. Ankaŭ estas aranĝita kurso sub la gvidado de nia fervora samideanino P-ro Lidio Ŝiŝmanova. La societo interalie celas rilatiĝi kun ĉiuj studantaj societoj aŭ gestudantoj-esperantistoj el la diversaj universitatoj por organizi iel pli energie la Gejunularan Studantan Internacian Ligon. Per tiu ĉi anonco do la societo petas ĉiujn samideanojn-studantojn el ĉiuj landoj skribu al ĝi pri la supra demando kaj ankaŭ pri la vivo, la studado, la ekzamenoj kaj la novaĵoj en iliaj universitatoj kaj iliaj urboj, ĉar la societo eldonos bultenon pri similaj demandoj. Al ĉiuj oni danke respondos. Por la societo: Z. Boĉev, studanto, Venelin Strato 24, Sofia.

## Ĉeĥoslovakio.

*Brno.* — Laŭ invito de ambaŭ esperantistaj societoj en Brno nia fame konata ĉina samideano S-ro Won Kenn vizitis nian urbon kaj ĉi tie restadis du tagojn. Por honorigi lin, estis aranĝ-

itaj en du vesperoj publikaj kunvenoj, dum kiuj li koncentrigis la tutan intereson de la esperantistaro kaj en eĉ pli granda mezuro la intereson de neesperantistoj, kiuj ne ĉesis miri pri la sendeviga, gaja amuzado, konstante pliviligata de S-ro Kenn. En malgranda parolado S-ro Kenn konigis al la ĉeestantoj kelkon pri „Ĉinio kaj ĝia popolo", kiun paroladon S-ro P-ro Fridrich afable tradukis ĉeĥen; tielsame li poste interpretis la respondojn, per kiuj W. K. nelacigeble kontentigis la multajn demandojn metitajn al li el la rondo de vizitantoj. La samideanoj en Brno konatiĝis en S-ro Kenn ne nur al spiritplena instruitulo kaj ĵurnalisto, sed ankaŭ al treege afabla kaj sprithava viro; por la esperanta movado lia apero en nia urbo signifas efikan propagandan sukceson. Dankante pri lia subteno, ni esperantistoj salutas tutkore S-ron Kenn kaj esperas, ke li refoje ebligos revidon en nia rondo. F. P.

*Hranice.* — Regiona kunveno de nordmoraviaj esperantistoj okazis la 29 junio. La programo konsistis el promenadkoncerto, laborkunveno kaj koncerto, kiu montris grandan partoprenon de neesperantistoj. A. K.

— Ĵaŭde, 2 oktobro, vespere, okazis la festa malfermo de dua kurso. Ĉeestis sinjoroj: D-ro Janiš, estro de politika administrado, D-ro Mohelnický, landestrara sekretario, V. Jonáš, urbestro, Č. Kramoliš, regiona inspektoro de lernejoj, A. Hluzín por metiistaro, P-ro Kudrna kaj multaj aliaj. Enskribitaj kursanoj: 30. La estro de Esperantista Klubo, S-ro Hanuš, per entuziasmaj vortoj pri la graveco de esperantista ideo malfermis la kurson. Poste parolis sekretario de klubo, S-ro Bryndač. La kurso okazos ĉiumarde kaj vendrede. La esperantista movado trovis en Hranice fruktodonan agadkampon, dank' al nia tre vigla sekretario S-ro Bryndač, kiu antaŭ unu jaro komencis propagandi.

*Olomouc.* — S-ro lernejestro Neužil faris ĉe aviadista regimento en majo paroladon, post kiu li malfermis kurson kun 35 aviadistoj-soldatoj.

*Praha.* — Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto. UEA-sekcio de ĈEI en Praha arangis en institutejo la 31 majo unuan amikan kunvenon de UEA-anoj de Praha, vizititan de 50 UEA-anoj ĉeĥaj kaj germanaj. Ĉefa punkto de la programo estis lumbilda propaganda parolado pri UEA de ĉefdelegito S-ro O. Sklenčka, kiu priskribinte la historion de UEA entuziasme rekomendis al la ĉeestintoj subteni morale kaj finance UEA, kies sukceso kaj venko estos ankaŭ venko de la tutmonda esperantistaro. Krome la programon partoprenis S-roj Čánský, Pitlík, Šustr kaj la kvinteto esperantista de S-ro Petr, kiu ludis esperantajn komponaĵojn. — La 28 majo kaj 11 junio kunvenis en institutejo la lernantaro kaj absolvintoj de la Privata Esperanto-Lernejo de ĈEI, por per amuza programo pliperfektiĝadi en Esperanto. La kunvenoj fariĝos daŭra monata entrepreno esperantista. — ĈEI partoprenis oficiale la IIan Ĉeĥoslovakan Kongreson en Liberec (Reichenberg), kie ĝia prezidanto, S-ro Pitlík, prezentis raporton pri la ĝisnuna agado de ĈEI kaj ĝia programo. — Ĉe ĈEI fondiĝis sekcio de ŝtate ekzamenitaj esperantaj instruistoj, al kiu aliĝis el la ĝis nun ekzamenitoj (32) jam 26 ĉeĥaj esperantistoj. La sekcio kunlaboros rilate al la enkonduko de Esperanto en la lernejoj kun la ĵus fondita germana klubo de la ŝtate ekzamenitaj germanaj esperantaj instruistoj.

## Danmarko.

*Odense.* — Esperanto-societo Odense Esp. Forening vigle laboras. Oni ofte aŭdas „Esperanto-marŝo" kaj „La himno" en publikaj lokoj, la himnon eĉ dum la grandaj ĉiudimanĉaj koncertoj de la regimenta orkestro. La novfondita (novembro 1923) konversacia klubo regule kunvenas. Esperanta gejunulara societo fondita, 35 membroj; prezidanto S-ro J. Kjer. La loka ĉiutaga gazetaro ofte raportas pri Esperanto.

## Franclando.

*Lyon.* — Sabaton, 14an de junio, S-ro G. Pouchot, profesoro ĉe la teknika lernejo La Martiniere kaj ĉe la urba lernejo pri eksterlanda komerco, sekretario de la Amikaro Esperantista en Lyon, faris sukcesplenan paroladon pri „Esperanto kaj T. S. F." ĉe la Lyon'a sekcio de la Franca Radio-Klubo. Baldaŭ komenciĝos speciala kurso farota de S-ro G. Pouchot.

*Paris.* — Refondiĝis loĝio framasona esperantista. Tiu loĝio estas supernacia organizaĵo kaj enhavas membrojn de multaj landoj. La adreso de la loĝio estas, same kiel antaŭe, 8 rue Puteaux, en Paris 17 e.

— En Paris la movado de la grupo iom post iom reviĝiĝas, renaskiĝis ĝia sekcio Paris-Sud, kiu ne plu ekzistis depost 1914. La unua kunveno okazis la 30an de aprilo kaj estas petita, almenaŭ provizore, prezidi S-ro Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris. La kunvenoj okazas dufoje ĉiumonate, la unuan kaj la trian mardon, ĉe la unua etaĝo de la kafejo „Buffalo", 2 Avenue d'Orléans, Paris XIV, je la 20½ h. Ĉiuj samideanoj, kiuj vizitos tiun kunvenejon, estos kore akceptataj.

La *Pariza Grupo* regajnis sian antaŭan kunvenejon en la Universitato kaj solene rekomencis la vintron tie la 7. 11. per paroladoj de P-ro Aymonnier, S-ro Baudet kaj D-ro Privat, veninta el Ĝenevo. Kunvenoj ĉiuvendrede sub prezido de S-ro Warnier en la geologia Amfiteatro.

## Germanio.

*Berlin.* — En la maja monata kunveno, la 20an de majo, parolis S-ro D-ro Ellerbeck „Pri la vortfarado per gramatikaj finaĵoj", diskutado pri la temo sekvos en la junia kunveno, la 17an S-ro P-ro Dietterle hazarde estinte en Berlin kaj S-ro Ellersiek raportis pri la konferenco en Ĝenevo.

La 19an okaze de la cindriga soleno de Emanuel Reicher, honora membro de la Berlin'a grupo, S-ro Dir. Glück faris nekrologon en germana kaj esperanta lingvoj.

La 17an de majo grupo „Espero", Friedenau arangis printempan feston kun komuna vespermanĝo en Ratskeller Friedenau, kiu estis bone vizitata kaj tre plaĉis al la ĉeestintoj.

*Chemnitz.* — Invititaj de la prezidanto de la fondaĵo „Esperanto-Hejmo Göppersdorf", P. Rauschenbach, inspektis kun kelkaj gesamideanoj la por la domo projektitan grundon kaj la negocan aferon de la hejmo. La entrepreno prosperas pli kaj pli.

Dum julio monata kunveno de la Chemnitz'a Esperantistaro en „Arnhold's Theatergarten", bone vizitata. Post vendo de multvalora privata Esperanto-biblioteko raportis S-ro urba jur. kons. Feder pri la interesa Germana Esperanto-Kongreso en Plauen (Saksujo). Oni denove fiksis la grupkotizon. Poste sciigoj kaj debatoj pri antaŭkongreso en Dresden, radioparoladoj, ankaŭ aŭdeblaj en Chemnitz kaj revivigo de „Saksa ligo". (Sciigojn kaj demandojn tiurilate oni direktu al S-ro Feder en Chemnitz, Andréstrasse 41).

*Dresden.* — S-ro D-ro fil. Kreissig instruas 6 gejunulojn.

— G. E. A., loka unuiĝo Dresden. Monata kunveno okazis la 28. V. Parolado kun bildoj de S-ro instruisto Meves pri „la uzado de bildoj ĉe Esp.-instruo". Inte naj sciigoj pri kontentigaj progresoj kaj sukcesoj de nia movado. Monataj kunvenoj de la loka unuiĝo ĉiam la lastan merkredon de l'monato.

*Freiberg, Sa.* — La loka grupo komencis novan kurson kun 45 partoprenantoj sub la gvidado de S-ro Spitzner.

*Berlinchen* (Neumark). — Je la 11. VIII. 1924 la delegito de UEA Desch el Homberg (Niederrhein) parolis en la societo por klerigo de la popolo, antaŭ ĉirkaŭ 50 partoprenantoj, pri valoro, esenco, deveno kaj strukturo de Esperanto. La ĉeestantoj tre aplaŭdis kaj S-ro instruisto Lüdtke komencos kurson kun 10—20 partoprenantoj.

*Dresden.* — En la monata kunveno de loka unuiĝo de GEA, merkredon, la 27. VIII., en la malnova urbkonsilsalono raportis F-ino Zschepank en ŝia elokventa maniero pri la XVI-a Kongreso en Wien. Tre aminde kaj detale ŝi priskribis la vojaĝon kaj la aranĝaĵojn de laboro kaj plezuro de l' Kongreso. Ŝi kaj kun ŝi la aŭdantaro estis tre kontentigita de la XVI-a. Post paŭzo oni ankoraŭ pritraktis la artikolon en la lasta numero de G. E. pri „Interna ideo" kaj fine decidis, sendi rezolucion al la gazeto, ne estante kontenta kun la enhavo kaj ideo de la artikolo.

*Hamburg.* — La firmo Fratoj Paustian aperigas humoran gazeton „La gajulo", 8 paĝa, simila al la konataj humoraj gazetoj por lerni la anglan kaj francan lingvojn de la sama firmo eldonitaj. (Antaŭ la milito „La Petit Parisien" kaj „Little Puck" kaj „Don Quijote"). La aranĝo de tiu humora gazeto estas simila al la aliaj por naciaj lingvoj; malgrandaj humoraĵoj en la koncerna lingvo kun piednota listo de ĉelaj vortoj kun germana traduko. La preso estas bona kaj la gazeto aboninda. Redaktas ĝin samideano Karl Minor, L. K.

*Königstein.* — La urbo oficiale enkondukis Esperanton en la popollernejo kiel laŭvolan fakon; instruas S-ino Püschel kaj S-ro Erlbeck. 2 klasoj kun 57 infanoj.

*Lohmen.* — Privata instruo en la popollernejo; 3 klasoj kun 55 infanoj; instruas S-roj Nitzche, Reichel, Schubert (lernejestro).

*Pirna* — La urbo oficiale enkondukis Esperanton en la popollernejoj kiel laŭvolan fakon; 4 klasoj kun 115 geknaboj. Instruas S-roj Grossmann, Henning, Ludwig, Schmitz. Ankaŭ en la profesia lernejo oficiala Esperanto-klaso estas aranĝata; instruisto Schmidt. En la komerclernejo gvidas privatan kurson S-ro Glöckner kun 15 partoprenantoj. Laborista grupo estas fondita. Nova kurso por laboristoj komenciĝis kun 35 partoprenantoj. Instruas S-ro Ludwig.

*Kaiserslautern.* — Dimanĉon, la 7an de septembro, kunvenis tie ĉi preskaŭ cent gesamideanoj el deknaŭ diversaj lokoj. Antaŭtagmeze estis rondiro tra la urbo, kaj je la dekunua komenciĝis la kunveno. F-ino Klinger, Kaiserslautern salutis la aperintajn gesamideanojn kaj proponis elekti S-ron Omlor, St. Ingbert kiel prezidanton. Aklame akceptite. Poste parolis: S-ro Gerlach pri la movado en Kaiserslautern, S-ro Krämer, Saarbrücken, pri la franca kongreso en Strassburg kaj pri la kaŭzoj de la malrapida progreso. S-ro Schönrich, Wiesbaden, pri la dekreto de la prusa ministro rilate al la instruado de Esperanto. S-ro Scheidt, Kreuznach, pri sia alvojaĝo Vienon kaj pri la deksesa kongreso. Post tio S-ro Omlor faris revuon pri la faritaj paroladoj kaj pri la praktika flanko de Esperanto, komerco, radio, malarmado ankaŭ helpe de Esperanto. Post la komuna tagmanĝo okazis fotografado de la partoprenantoj. Jen la teksto de la amuza parto de la kunveno. 1. Prologo, parolita de S-ro Kolon, Saarbrücken, 2. Himno, komuna kanto, 3. Deklamo de F-ino Klinger, 4. Burleskaĵo, luditaj de S-roj Schenkel, Kolon kaj Niebling, 5. La verda stelo, komuna kanto, 6. Kantoj kun liuto S-ro Kolon, 7. La varmega fero de Hans Sachs, ludita de S-ro Niebling, S-ino Bonaventuna kaj F-ino Schöndorf, 9. Kanto kun liuto S-ro Kolon. Ankaŭ deklamis ŝercojn kelkaj gesamideanoj. Mi estas konvinkita, ke ĉiuj ĉeestintoj konsentos, se mi jam tutkore dankas ĉiujn gesamideanojn, kiuj ĝojigis nin per iliaj paroladoj, deklamoj, ludadoj ktp. Oni devas danki precipe la gesamideanojn el la Saarteritorio, kiu faris la ĉeflaboron kaj ankaŭ la loka grupo Kaiserslautern por ĝia penado kaj laboro. Kun gaja koro oni adiaŭis, ĉar ĉiu pasigis belegajn horojn en Esperantujo, al kiuj oni ĉiam volonte memoros.

*Weinböhla-Dresden.* — La Esp.-instruado al infanoj tre kontentige progresas en nia loko. De 1910—1914 kaj de 1919—1921 ĉiam nur ekzistis ĉi tie 1 klaso por Esp.-infanoj. 1921 unuafoje estis aranĝataj 2 klasoj el la gelernantoj de la 7a kaj 8a lerneja jaro. Antaŭ Pasko 1924 kelkaj gepatroj publike petis ĉiujn gepatrojn de la komunumo, sendi la infanojn en la Esp.-instruon. La sukceso estis tre bona, 4 klasoj devis esti formataj.

| | | |
|---|---|---|
| Kl. 1 | (8. lerneja jaro) | 36 infanoj. |
| „ 2 | (7. „ „ ) | 33 „ |
| „ 3a | (6. „ „ ) | 32 „ |
| „ 3b | (6. „ „ ) | 34 „ |
| | | 135 infanoj. |

Weinböhla nur estas loko de 7000 geloĝantoj, havas entute nur 900 gelernejanojn kaj pli ol 100 Esp.-infanojn. La gepatroj tre ŝatas Esperanton.

*Wismar* (Meckl.) — Okazis ligotago de Nordalbinga Ligo. La estraro de la Ligo gratulas S-ron Karl Peters, Wismar, pro la lerte aranĝita ligotago kaj dankas lin kaj liajn kunlaborantojn pro ilia penado.

Jam dum la vespero, la 28an de majo, okazis publika kunveno en la granda salono de Fründt's Hotel. Grandare venis esperantistoj kaj ne-esperantistoj. Post salutparolado de S-ro Karl Peters parolis D-ro A. Moebusz, Lübeck, pri „Esperanto kaj popolklerigo". Tiun spiritplenan paroladon sekvis instruprovo kun 12 knaboj de 9 ĝis 11 jaroj. La knaboj, kiuj antaŭe ne estis instruitaj pri Esperanto, vigle kaj trafe respondis la demandojn de la instruisto, S-ro D-ro Schüppel, Parchim. Kiel tria punkto sekvis parolado de la eksportisto S-ro A. B. C. Senff, Hamburg, pri „Esperanto im Handel und Verkehr". La multaj faktoj de apliko de nia lingvo en la praktika vivo bone impresis la aŭskultantaron.

Tre favore imponis al la publiko la de S-ro H. Boebs, Lübeck, aranĝita vasta ekspozicio de pli ol mil diversaj gazetoj, gvidlibroj, katalogoj, gramatikoj kaj libroj de la klasika literaturo.

Post la paroladoj oni kune restis ĝis malfrua horo; belaj prezentaĵoj ĉarmis la ĉeestantojn i. a. la bela komedieto „Pro Dio ne Esperantiston!" de Karl Minor, kiu mem kunaktoris.

La sekvantan tagon okazis post lerte gvidata promeno tra la urbo kaj ĝiaj belaj antikvaĵoj la laborkunsido, festtagmanĝo kaj posttagmeze ekskurso al la marbaneja vilaĝo Wendorf.

Oni povas esperi, ke la Esperanto-movado en Wismar trovos fruktodonan kampon. A. B. C. Senff.

## Greklando.

*Ateno.* — Laŭ speciala ordono sub N-ro 3292 de la 20 junio 1924, la ĉefo de la Angla Misio de la Polico de la urboj de Greklando, Sir Frederick Halliday, la mondlingvo Esperanto estas enkondukita ĉe la polico de la urboj kun varma rekomendo de la Ĉefo de la Misio al ĉiuj policistoj. Pro tio estas organizitaj tri sekcioj. La unua enhavas nur oficirojn kaj suboficirojn, entute 30, kiuj jam komencis la lecionojn de la 1a de julio. Al la dua sekcioj apartenas 57 policistoj, kiuj same komencis la lecionojn de la 2a de julio. Al tiu kategorio povas aparteni nur tiuj el la policistoj de la urboj, kiuj estas almenaŭ abiturientoj kaj posedas la abiturientan diplomon. Al la tria sekcio apartenas ĉiuj aliaj policistoj kaj la lecionoj komencis por ili la monaton septembro. S-ro D-ro Stamatiadis akceptis esti kursgvidanto por la unua kaj dua sekcioj kaj trovis ĉiujn lernantojn tre entuziasmaj.

## Hispanio.

La movado en la tuta lando montriĝas vigle promesante bonan rezultaton: Balearaj samideanoj starigis fortan grupon en Soller; Valenciaj samideanoj okazigos kongreson en Cheste, kies urbestraro, tre favora je Esperanto, bonege helpas, kaj tiu ĉi kongreso promesas sukceson; en Bajador S-ro Ludoviko Campos, nelacigebla semisto, fondis fortan kaj entuziasman grupon; en

Cordoba arkitekturisto S-ro Francisco Azorin kaj tieaj samideanoj aranĝas la tutlandan kongreson por venonta jaro, krom kursoj; Bilbao, Baracaldo k. c. same eklaboras. En la ĉefurbo pastro Mojado nelacigeble klarigas ses kursojn, kvar al poŝt- kaj telegraf-oficistoj. S-ro Mangada klarigos unu fojon ĉiusemajne per radio-stacio Esperanton, krom paroladetoj de tempo al tempo; faros paroladon en la Militista Klubo kaj ĉie tie malfermos kurson. La grupo sin pretigas al vigla agado kaj S-roj Luna, Alomo kaj Perogordo laboras por efektivigi la unuiĝon de la esperantistaro. Kaj la tuta laboro celas ankaŭ plifortigi Universalan Esperanto-Asocion. — La gazeto ĉiusemajna „Radio Ciencia Popular" apergas rubrikon „Radio-Esperantismo Praktika". — Ĵaŭdon, 2 oktobro, dum ĝenerala kunsido de la Kongreso Internacia pri Geodezio, sub prezido de M. Lallemand, tiu ĉi proponis Esperanton kiel oficialan lingvon kun kelkaj precizaj limoj.

## Hungario.

*Budapest.* — La postkongresa ekskurso havis bonegan sukceson; partoprenis pli ol 100 samideanoj. Ĉe stacio Vácz jam venis la akcepta komitato por disdoni la dokumentojn. En Budapest vespere atendis granda amaso ĉe la kajo. En la parlamenta ĉambrego oficiale salutis la gastojn Stefano Nagy Molnár, respondis japane samideano Esaki; en la reĝa palaco salutparolis episkopo D-ro Antonio Nemes, respondis samideano Fischer el Berlin. Vespere estis postvespermanĝa festeto sur la Margaret-insulo. Partoprenis samideanoj Baghy, Kalocsay, koncertkantistino Kéthelyi, Elinjo Gerö, el la gastoj S-roj Jung, Fethke, Morariu, Arabeno kun granda sukceso. La dua tago estis dediĉita al muzeoj. Posttagmeze estis koncerto en la blindulhejmo. La koncerton aranĝis la prezidanto de la Mondligo de Blindaj Virtuozoj, S-ro Holley, kaj partoprenis famaj kantistinoj. Poste en la kinomatografejo estis senpaga prezentado, dum kio oni montris la filmon faritan la antaŭan tagon pri la kongresanoj antaŭ la parlamento.

*Miskolez.* — La redaktoraro de la taĝjurnalo „Reggeli Hirlap" aperigas laŭ propra iniciativo ĉiudimanĉan Esperanto-kurson redaktitan de profesoro König. La kurso komenciĝis je fino de junio kaj daŭros ĝis Krisnasko. Krom la kurso aperis en la sama ĵurnalo dum la lastaj tri monatoj 72 pri- kaj peresperantaj artikoloj pli malpli longaj.

*Szombathély.* — Dum la du pentekostaj tagoj okazis en la urbeto Szombathély sur la okcidenta landlimo de Hungarlando la kvara landa kongreso. Kvankam la tiea grupo estas nur malforta kaj la Esperanto-movado floras tie nur de du jaroj, la kongreso sukcesis tre bone, pli bone, ol oni atendis.

Dimanĉe matene estis en la Sankt-Miĥaelo-kapelo silenta meso, kiam P. Egyed Glasits, ordenestro de Vasvár, diris la sanktan parolon. Li parolis nun la unuan fojon esperante, sed kun bona akcento. La kongreso kunsidis en la urbdoma ĉambrego. Prezidanto fariĝis D-ro Géza Halmágyi; honorprezidanto pens. Generalo Rupprecht Jobst, unu el la protektantoj; protektantoj estis ankaŭ la urbestro kaj la episkopoj de la urbo. En nomo de la urbo parolis konsilanto D-ro Horváth, kiu promesis influate per sukceso de la kongreso mem lerni nian lingvon. 41 urboj estis reprezentitaj. Oni aŭdis la raportojn de la landa societo, de la instituto, de UEA kaj de la Ĝeneva konferenco. Dum la laborkunsidoj oni akceptis multajn gravajn decidojn. Inter tiuj oni alvokis la ministerion de eksteraj aferoj helpi la inviton de la XVIIIa Universala Kongreso en 1926 al Budapest. Oni petis de la ministerio de instruado enkonduki Esperanton nedevige en mezlernejoj kaj komercaj lernejoj, de la poŝtdirekcio permeson de Esperanto en poŝtista kurso, en poŝtoficejoj, en radioparoladoj, en telegrafado, de diversaj institucioj kaj de la gazetaro la konstantan helpon de nia movado.

La kongreso aŭdinte la raportojn de la Ĝeneva konferenco, gratulas al ties aranĝintoj kaj partoprenintoj por la sukcesa laboro kaj subtenas la ideon daŭrigi tiajn fakkonferencojn kun samtempaj teknikaj konferencoj ekster la tempo de la universalaj kongresoj.

La kongreso rekonante la nepran neceson kaj ĉefan gravecon de bone funkcianta UEA alvokas al ĝenerala propagando por UEA kaj petas la esperantistojn ĉiuforte helpi UEA, kun kies delegitoj la grupoj agu konkorde.

La kongreso rezoluciis efektivigi ĉie la komercan eksperimenton, subteni la radio-movadon, pli forte konigi al la novaj esperantistoj la historion kaj nunan organizon de nia movado kaj proponis, kiel plej taŭgan propagandilon, en publikaj lokoj ĉiam paroli esperante kaj videble porti la insignon.

Neatendite bone sukcesis la bankedo kaj la vespera koncerto kun danco. La koncerton aranĝis S-ro Julio Baghy. Oni ludis la teatraĵon „Solecaj animoj" kaj kelkajn belajn koncertnumerojn. En la kulturdomo estis ekspozicio kaj tie parolis S-ro Baghy kaj S-ro Balkányi pri idealaj kaj praktikaj celoj kaj sukcesoj de Esperanto, kiu faris bonegan impreson. La duan tagon estis ĝeneralkunsido de la landa societo. La sekvonta kongreso okazos en Budapest, se ne invitas ĝin ia provinca urbo ĝustatempe. Posttagmeze estis en apartaj vagonoj agrabla ekskurso al urbeto Köszeg. — La lokaj gazetoj detale raportis pri la kongreso.

La kongreso altiris la ĝeneralan atenton de Szombathély kaj parte ankaŭ de la tuta lando al Esperanto kaj devigis atentigi la oficialajn rondojn pri niaj deziroj kaj agadoj.

## Italio.

*Firenze.* — Kursoj ĉe Itala Katedro de Esperanto kaj ĉe Skolta Ligo. En Firenze, la tre famkonata arta urbo, kien ĉiuj eksterlandanoj alvenas, oni intencas aranĝi konstantan esperantan ekspozicion. Ĉiulandaj samideanoj, kiuj deziras helpi tiun gravan aferon, bonvolu sendi dokumentojn, precipe fotografaĵojn pri kongresoj, kunsidoj, kursoj ktp. al P-ro Corrado Grazzini, del. de UEA, Via dei Neri 6, Firenze (18), Italio.

*Genova.* — La 6 aŭgusto stariĝis „Esperanta Amuza Klubo", kiu celas propagandi Esperanton, doni al la anoj amuzon kaj intelektan kulturon. Dum la ĝenerala kunveno oni elektis la jenan konsilantaron: S-ro E. Gregori, prezidanto; S-ro P. Polleschi, sekretario-kasisto; S-ro M. Vitali, vicsekretario; S-roj S. Rocca kaj D. Innocenti, konsilantoj. Jam estas 32 anoj, kaj 26 partoprenantoj al la du kursoj jam komencitaj. Adreso: Circolo Ricreativo Esperantista (Esperanta Amuza Klubo), Via Libertà 38 r., Genova (9).

*La Spezia.* — Novaj aliĝoj permesis restarigi la lokan grupon. La propagando bone promesas, kursoj kaj paroladoj estos organizataj. La estraro de la grupo rezultis el la jenaj samideanoj: S-ro Maj. inĝ. Luigi Gagnotto, prezidanto; S-ro P-ro D-ro Luca Sangiorgio, vicprezidanto: S-ro Alessandro Gerbi, sekretario; S-ro Franco Poggi, vicsekretario; S-ro Carlo Fiorentini, bibliotekisto S-roj Bassi kaj Umberto Bonanni, konsilantoj; kaj helpmembroj S-ro Kom-to inĝ. Antonio Peri, del. de F. E. I., kaj S-ro inĝ. Rinaldo Orengo, del. de UEA.

*Milano.* — Dimanĉon, 5 oktobro, okazis ĝenerala kunveno de la membraro de Regiona Lombardia Instituto de Esperanto, por voĉdoni la jaran raporton de la sekretario kaj elekti novan estraron. Post parolado de S-ro Piatti, sekretario, la raporto estis aprobata unuanime. La Instituto, pere de la membroj S-roj Cattorini, Facchi, Morfini, Giolla, Piatti, Carbone, Zanetta, Cazzola, Quarone, Mainardi, Secchi, Lazzari, malfermis en Lombardio (urboj Milano, Voghera, Mantova, Cremona, Brescia) dek unuagradajn kursojn, du duagradajn, unu triagradan; kaj sukcesis ricevi helpon de la Milana Urbestraro.

Post longa diskuto la kunvenintoj per ĝenerala aklamo reelektis S-rojn D-ro Filippetti, direktoro; profesoro Rota, vic-direktoro; profesoro Piatti, sekretario; D-ro Monti, kav. profesoro Nobile, profesorino Comolli, S-ro Mainardi, konsilantoj, kiel novan estraron ĝis septembro 1925.

## Latvio.

Dank' al klopodoj de la lokaj samideanoj la Administracio de la IV[a] Internacia Foiro-Ekspozicio en *Riga* presigis la antaŭparolon de sia foirkatalogo ankaŭ en Esperanto kaj unuafoje mendis flugfolieton-reklamilon en Esperanto. En la stando senpage donita de la foiradministracio, Riga Esperanto-Societo aranĝis ekspozicion de libroj, gazetoj kaj ceteraj presaĵoj. Tie dum ĉiuj foir-tagoj (20 julio ĝis 3 aŭgusto) konstante deĵoris samideanoj, donante klarigojn kaj informojn. Estas venditaj multe da lernolibroj diverslingvaj, kolektitaj adresoj de malnovaj samideanoj, kaj varbitaj novaj interesuloj. Aŭtune Riga Esperanto-Societo intencas rekomenci pli viglan propagandon.

## Litovio.

*Panevėžys.* — La 1 julio, laŭ la propono kaj iniciato de nia estimata gasto S-ro P-ro Ben-Ŝaĥar, la P. E. A. aranĝis sukcesan flortagon kaj kolektis monon por blinduloj. La distriktestro (nova, sed tre fervora esperantisto, kiun sukcesis esperantigi S-ro Ben-Ŝaĥar) estis protektanto de la flortago. La P. E. A.-anoj vigle laboris kaj ĉiuj urbanoj portadis dum la tuta tago la beletajn verdfloretojn kaj servis vere belan kaj bonan propagandilon. Vidante la grandegan sukceson kaj profiton ni rekomendas al la tutmonda samideanaro aranĝi same fojon jare flortagon je profito de blinduloj (aŭ loka grupo). Krome, ankaŭ laŭ la propono kaj klopodo de nia fervora S-ano Ben-Ŝaĥar, la P. E. A. aranĝis loterion je profito de nia biblioteko. Ni tre bone sukcesis kaj kunkolektis pli ol 300 lidojn. La aranĝoj ebligis al ni tuj malfermi novajn kursojn, estas jam la 5[a] kurso dum tiu ĉi jaro, kaj permesis duoble pliriĉigi nian bibliotekon. J. T.

## Nederlando.

La 6 julio okazis la somerkunveno de la Nederlanda Societo „La Estonto estas nia", sub prezido de S-ro Isbrücker. Post la legado de diversaj raportoj la prezidanto estas komisiata reprezenti la socieon dum la kongreso en Vieno. Kiel vicdelegitoj estas nomataj S-roj Mast el Amsterdam kaj Wirix el Hago.

S-ro Isbrücker raportas pri la paskaj konferencoj en Genève, kie li reprezentis la socieon. La diversaj rezolucioj de la kunveno de UEA kaj K. R. estas detale priparolataj laŭ la raporto en la maja numero de „Esperanto". Oni akceptas la regulan pagon de la kotizo al K. R., laŭ la skemo de 10 procentoj de la UEA-kotizo (Membro). La kasisto estas petata tuj sendi la monon por la kuranta jaro al la kasisto de K. R.

Rilate al la komerca eksperimento sin anoncas samideanoj el Amsterdam, Haarlem kaj Hago, por klopodi starigi kursojn, laŭ la proponita plano, sub aŭspicio de iu komerca ĉambro aŭ alia neŭtrala institucio.

La kolekton de nomoj por la Komercista Adresaro prenas sur sin S-ro Wirix, sekretario-kasisto de la Haga grupo.

Pritraktante la demandon pri kunlaboro inter UEA kaj la naciaj societoj, la prezidanto varme rekomendas la aliĝon al UEA, por kio sin tuj anoncas deko da membroj. Oni akceptas la ideon krei en la grupoj la instituton de „Internaciaj Membroj", por ke novaj adeptoj estu tuj varbataj samtempe por la loka grupo kaj por UEA.

Por la centra organizo de la statistiko sin disponigas S-ro Rutgers, kasisto de la Societo.

La rezolucio de la Genèva konferenco pri forigo de K. K. K. estas unuanime aprobata.

Grava punkto de la tagordo estis ankoraŭ la pritrakto de propono de S-ro van Hengel pri akcepto de la gazeto „Holanda Esperantisto", kiel organo de la Societo. Montriĝis, ke la opinioj pri ĉi tiu punkto estis tre diversaj kaj ne estis eble veni al definitiva solvo de la demando. Oni decidis, ke denove okazu konferenco de la estraro kun la eldonantoj de Holanda Esperantisto kaj S-ro van Hengel.

Post la lunĉo okazis bela aŭtomobila ekskurso tra la ĉirkaŭaĵoj de Amersfoort, Doorn, Driebergen, Zeist, ktp. Komuna tagmanĝo fine kunigis la partoprenintojn en Amersfoort.

*Bergen op Zoom.* — La 15 junio okazis en Bergen op Zoom Esperantotago sur malnova fortikaĵo, apud la urba parko. 200 esperantistoj kaj ne-esperantistoj partoprenis, inter kiuj 10 el Antverpeno kun la verda standardo, plie estis el Dordrecht, Roosendaal, Goes (Gus), Steenbergen kaj Vlissingen.

La suburbestro oficiale malfermante la kunvenon, priparolis nian movadon en Bergen op Zoom kaj regiono, akcentis kaj komparis la pacideon de Esperanto kun la ejo, kiel batalejo en la estinteco.

Gesinjoroj Isbrücker el Hago parolis pri D-ro Zamenhof, la interna ideo de Esperanto kaj pri la Radio-kongreso, okazinta en Genève. Ili gajnis grandan sukceson, kaj precipe la parolado de S-ino Isbrücker, pri la interna ideo, treege plaĉis al la aŭskultintoj.

Poste promenado tra la urbo, antaŭirante de la Antverpena standardo, fiere portita de Belga fraŭlino.

La fervora esperantisto S-ro Holleman, del. de UEA, faris kun siaj kunhelpintoj bonan propagandon por nia afero, per ĉi tiu Esperantotago. Sekvo estis fondo de nova klubo.

*s' Gravenhage.* — La Haga Grupo „Fine ĝi venkos" aranĝis Esp.-ekspozicion (19—21 sept.) F-ino J. Westerman, membrino de la Nederlanda Parlamento, malfermis ĝin antaŭ plena salono, dirante i. a. ke granda parto de la homaro ankoraŭ ne konscias, ke la Esp.-movado estas mondmovado, kiu meritas ĉies atenton. La prezidantino S-ino Isbrücker mallonge klarigis la gramatikon kaj donis resumon de la Esp.-literaturo. Entute 500 personoj vizitis la ekspozicion, inter kiuj la ĉefinspektoro de instruado kaj aliaj aŭtoritathavaj personoj. Novaj kursanoj kaj membroj pruvis la deziratan sukceson.

## Pollando.

*Kraków.* — „Kurjer Wieczorny", aperigas en sia pordimanĉa aldono kronikojn esperantan kaj radian gvidatatajn de S-ro Grenkamp.

La sola ĝis nun en Pola Respubliko aperanta radia gazeto „Radio-Amator" havos de la dua n-ro Esperanto-parton. La pola kroniko, dediĉita por la eksterlando, estos redaktata esp-e.

Entute oni devas rimarki, ke la Krakova gazetaro nun estas tute favora al nia movado. Pri la Viena Kongreso, pri la lastaj sukcesoj aperis en ĉiuj gazetoj longaj artikoloj. S. G.

*Warszawa.* — La III. ĝenerala Kongreso de la Hebrea-Skoltista Asocio, okazinta en Varsovio, 25—28 aŭgusto 1924, kiu havas 400 membrojn en 36 polaj urboj, havas filiojn en Latvio, Rumanio, Bulgario, Palestino, akceptis la jenajn rezoluciojn:

1. ke en interrilatoj kun eksterlanda nehebrea skoltistaro oni uzu la lingvon Esperanto, kaj
2. ke en internacia korespond- kaj interŝanĝ-klubo, ĉe la Asocio, estu oficialaj lingvoj: hebrea kaj Esperanto.

## Portugalo.

*Coimbra.* — De la 14—16 junio okazis la II[a] Kongreso de gelernantoj de teknikaj institutoj en Coimbra, kies interesplenaj laboroj estis raportitaj de ĉiuj naciaj gazetoj. Oni vigle diskutis la jenajn tezojn: „rilatoj inter la profesoroj kaj la gelernantoj

en kaj ekster la Asocioj de Lernantoj"; „kiel plenigi la mankojn de la komerca instruado"; „monhelpado al gelernantoj"; „bazoj por la unueco de la Asocioj de Lernantoj"; „la gazeto de l' lernantoj"; „la komerca instruado"; „la tago de l'teknikaj lernejoj"; „la celo de la Asocioj de Lernantoj kaj Esperanto en la teknikaj lernejoj".

Ĉi tiu lasta laboro, kie la internacia lingvo estis analizita sub ĉiuj aspektoj, oni citante la gravajn decidojn de l'Konferenco en Venezia, meritis tujan aprobon, kiu efektiviĝis per longa aplaŭdado kaj salutoj al Esperanto. Nia samideano Arnaldo Rodrigues, al kiu ni ŝuldas tiun triumfon, disdonis esperantajn „ŝlosilojn" al la ĉeestantaro donacitaj de Laborista Esper.-Societo „Nova Vojo" kaj unu el lernejestroj, S-ro Adrião Castanheira montris sian deziron lerni Esperanton.

La gazetoj de Porto raportis kaj „A Batalha", sindikata organo, publikigis ampleksan raporton pri la triumfo de Esperanto. Oni bezonas konvinkigan pruvon pri la taŭgeco de Esperanto kaj ĝi nur povas esti donita de Internacia Kongreso.

*Lisbono.* — Rondo Amikeco havas jam 90 asociitojn. Ĝia vic-prezidanto S-ro Rego donacis 500 eskudojn. S-ro Antonio dos Santos, malnova esperantisto, gvidas la elementan kurson. La grava jurnalo „Diario de Lisboa" publikigis tri artikolojn subskribitajn de Saldanha Carreira. La entuziasmo en la radio-telefonista rondo estas granda.

## Rumanio.

*Braŝov* (Transilvanio). — Kurso kun 10 partoprenantoj komenciĝis, la 10 julio, en la Komerca lernejo. Instruas S-ro Prager el Bukureŝto.

*Bukureŝto.* — La partoprenintaj de la lastaj kursoj en Bukureŝto kaj Ploeŝto aranĝis komunan ekskurson al Breaza (6. VII. 24).

*Caransebes* (Banato). — S-ro D-ro J. Horvath, advokato, Del. de UEA, malfermis kurson la 15 julio.

*Chilia-Noua* (Besarabio). — Per la penadoj de S-ro Eug. Ivanov, del. de UEA en Bolgrad kaj Nedjalkov, fondiĝis tie Esp.-grupo kaj malfermiĝis kurso por 10 personoj. Chilia-Noua estas urbeto ĉe la delto de l' Danubo.

*Radauti* (Bukovino). — Okazis ekzameno de la kurso, gvidata de S-ro E. Jarosiewicz, del. de UEA. La 15 aŭgusto komenciĝis 2 novaj kursoj,

*Bukuresti.* — La 18-an de majo okazis prop. kunveno, kies rezulto estas 3 kursoj en la ŝtataj liceoj „Spiru Haret" kaj „Matei Basarab" kaj en la pavilono „Gib" en la Parko Carol. Lernas ĉ. 70 personoj.

*Caransebes* (Banato). — La Esperanto-Grupo elektis prezidanton en la persono de S-ro D. I. Caltiun, agema gvidanto de la kulturvivo de la urbo. UEA-delegito elektiĝis S-ro D-ro Jozefo Horvath, advokato kaj verkisto. S-ro direktoro L. Goldschmidt estas elektita kiel vicdelegito de UEA. La ĝisnuna delegito S-ro E. Vincze translokiĝis al Budapest.

*Cernauti* (Bukovino). — S-ro Kamillo Landmann, fervora pioniro de Esperanto, malfermis la 4 majo novan kurson por 14 junuloj-intelektuloj. Fondo de junulara klubo estas preperata.

*Lugoj* (Banato). — F-ino Olga Stoiceviciu gvidas kurson.

*Petroŝani* (Transilvanio). — Nova kurso por 18 membroj de la Evangeliana Junulara Societo komenciĝis la 5 majo. Instruas S-ro F. Lerch, delegito de UEA.

*Ploeŝti.* — La 18 majo antaŭtagmeze okazis propaganda kunveno en la ĝardeno „Carul cu Bere". La kunvenon prezidis la konata verkisto S-ro P-ro I. A. Bassarabescu, membro de la Akademio Rumana kaj Ateneo Rumana. Paroladis la gvidantoj de la Rumana Esperanto-Societo el Bukureŝto. Kurso komenciĝis por pli ol 60 personoj. Lecionoj ĉiun mardon kaj vendredon vespere.

*Arad.* — Du novaj kursoj, unu en la laborista hejmo, gvidata de F-ino Janka Wallner, la alia en la urba burĝa lernejo „Josif Vulcan", gvidata de S-ro St. Ferenczy, del. de UEA.

*Bosca-Montana* (Banato). — S-ro Stefano Simon, del. de UEA, malfermis novan kurson por 25 partoprenantoj.

*Bucuresti.* — Nova kurso por laboristoj, gvidata de samideano D. Tejuŝan.

*Giurgiu* — En tiu danuba havenurbo S-ro Stefano Koch gvidas kurson por ses personoj.

*Braŝov* (Transilvanio). — Estas fondita grupo „Zamenhof", kunvenanta ĉiun ĵaŭdon vespere en la kafejo „Transilvania".

*Craiova.* — Nova kurso por 14 personoj, gvidata de samideano Johano Kiss. La 10 aŭgusto fondiĝis grupo.

*Parolado en la Rumana Senato pri Esperanto.* — La rumana parlamento nun pritraktas la reformon de la instruado kaj ni ĝoje sciiĝas, ke nia eminenta samideano, S-ro senatano inĝ. Ernesto Balas (nacia plimulto), bone uzis la okazon kaj la 7an de junio dum la posttagmeza kunsido faris la jenan menciadon pri la internacia lingvo:

„. . . En la ŝtatoj en Orienta Eŭropo estas tre grava afero la demando pri lingvo. La loĝantaro de la okcidentaj ŝtatoj plejparte bezonas nur la gepatran lingvon kaj malgranda estas la parto, kiu krom la gepatra lernas unu aŭ du fremdajn lingvojn, por povi trairi la tutan mondon. Ĉe ni krom la gepatra lingvo oni devas lerni unu lingvon pli ol en la okcidentaj ŝtatoj. Krome la hungaro, sakso, ruso, bulgaro, turko devas nepre ellerni la ŝtatan lingvon en sia propra intereso. Kaj se iu volus senpere interrilati kun ĉiuj nacioj de Rumanio, tiu devus lerni ĉies lingvojn, do pli multajn ol okcidente. La lernado de multaj lingvoj bezonas multan tempon, dum kiu oni estas malhelpata en la studado de aliaj objektoj necesaj.

Sekve necesas fiksi kun multa zorgo, en kiu lernejo kaj per kiu lingvo oni instruu kaj ebligi ĉiumaniere, ke tiun lingvon oni lernu tute kaj devige. Ĉi-loke mi devas mencii la lingvon Esperanto, konsideratan kaj fervore instruatan en la okcidentaj kaj nordaj ŝtatoj, en Svislando, Italio, Germanio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando ktp., eĉ en Azio, Usono kaj Aŭstralio. Kaj frunte de l' orient-eŭropaj ŝtatoj estas Bulgario, kie oni prave pensas, ke la malpli konataj balkanaj ŝtatoj povas tre facile havigi al si tutmondajn kunligojn pere de Esperanto. La gravecon de la lingvo Esperanto rekonis ĉe ni S-ro Romulus Voinescu, generala direktoro de polico kaj ŝtata sekureco, enkondukinta Esperanton kiel devigan objekton en la Policoficira Lernejo. La graveco de tiu ĉi lingvo konstante pligrandiĝas en la mondkomerco, ĉe specimenfoiroj, ĉe la poŝto, radio-telefono ktp."

## Saarteritorio.

En idilia loko kun naturscenejo la Esperanto-Ligo Saarteritoria aranĝis la 27 julio arbaran amuzon kun teatraĵoj, kantoj kaj muzikaĵoj. Liutokantisto S-ro Kolon malfermis per prologo „Versoj leoninaj por UEA" de Kalocsay. Post li la prezidanto, S-ro Krämer, faris salutparolon, speciale bonvenigante la gastojn venintajn el Kaiserslautern, Zweibrücken kaj Strassburg. Germanlingve tiam estis ludata „Das heisse Eisen" de Hans Sachs. La lertaj geludantoj, S-ino Bonaventura, F-ino Schöndorf kaj S-ro Niebling estis forte aplaŭdataj. Kun sama sukceso tiuj geludantoj ludis en Esperanto serĉan dramon „La reĝino de Saba". S-ro Meistermann prezentis gajan monologon „Solo de fluto". Inter tiuj prezentadoj S-ro Kolon ĝojigis la ĉeestantojn per esperantaj kaj germanaj kantoj, sin akompanante per liuto. La muzikan parton plenumis mandolina orkestro kvaropa. Ĉeestis pli ol cent personoj.

J. Sch.

## Svislando.

*Genève.* — La „Internacia Unuiĝo por savi la infanojn" (Union Internationale de Secours aux Enfants, 4 rue Massot, Genève), kies estraro favoras Esperanton, jam en 1923 publikigis sian konatan „Deklaracio de Ĝenevo" krom en 35 naciaj lingvoj ankaŭ en Esperanto. Tiun jaron ĝi organizis en Genève someran interkonatiĝan renkontadon por siaj membroj; 300 gestudentoj, precipe britaj, respondis jese al tiu alvoko kaj alvenis Ĝenevon por ĉeesti dum du semajnoj prelegojn kaj kursojn organizitajn por ili en la universitato (pri internaciaj kaj sociaj temoj, infanflegado kaj edukado, franca lingvo, Esperanto ktp.).

Dum la malferma kunsido profesoro Bovet, Direktoro de Instituto J. J. Rousseau, faris anglalingve propagandan prelegon pri Esperanto; 20 ĉeestantoj tuj enskribiĝis al tiu oficiala kurso kaj vizitis ĝin regule ĝis la fino. Tiun kurson sperte gvidis laŭ Berlitz-metodo S-ino Umanski, vic-prezidantino de la Ĝeneva Esperanto-Grupo. La lastan tagon de tiu sukcesplena kurso ĉiuj gelernintoj vizitis la Centran Oficejon de UEA, kvin el ili tuj aliĝis kiel membroj.

## Turkio.

*Konstantinoplo.* — Pro la politika ŝanĝo la iam vigle propagandintaj grekaj samideanoj foriris, sed nun fervore eklaboris S-ro D-ro Ali Fouad Bej, hon. ĝenerala inspektoro saneca. S-ro D-ro Ali Fouad prezentis S-ron T. Morariu el Bucuresti al S-ro Safvet Bej, direktoro de l' publika instruado en Konstantinoplo, vasthorizonta pedagogo, kiu post interesa diskuto promesis, ke li donos plenan moralan kaj teknikan helpon, ke Esperanto estu oficiale enkondukota en la urbaj lernejoj komence de la nova lerneja jaro, en aŭtuno 1924. Raportinte pri la ekzisto de Skolta Esperantista Ligo kaj ĝia praktikeco S-ro Samy Bey, inspektoro de fizika edukado en Konstantinoplo kaj komandanto de turka skoltaro, petis D-ron A. Fouad por gvidi kurson ĉe la turkaj skoltoj.

Vizitante la Polican Lernejon en Skutari, min surprizis ĝia moderna, perfekta aranĝo. La direktoro aŭdis kun intereso la detalojn pri la enkonduko de Esperanto ĉe la rumana polico. Ĉe la Universitato kaj Instruista Preparejo en Konstantinoplo kaj ĉe la Medicina Fakultato en Heider-Paŝa mi sukcesis interesigi kelkajn profesorojn kaj studentoj. Amikoj de Esperanto fariĝis ankaŭ S-ro G. I. Ionesco, ĝenerala konsulo, kaj S-ro B. Beu, legacia sekretario de Rumanio en Konstantinoplo.

Pere de S-ro D-ro A. Fouad Bej estis eble al mi, interrilati kun pluraj gravaj personoj de la turka socia vivo kaj mi estas konvinkita, ke nia komuna semo baldaŭ ekĝermos sub la konscia zorgado de nia eminenta turka samideano.

*T. Morariu,* sekr. de Esperantista Centro Rumana.

 LINGVAJ STUDOJ 

## Pri esperanta elparolado.

*Pri malbona elparolado de kelkaj esperantistoj, S-ro Medem skribas al ni tre pravan leteron, el kiu ni eltiras la jenan konkludon.*

Ŝajnas al mi, ke por atingi bonan elparoladon ĉefe mankas du elementoj: 1. atento ligita kun peno kaj 2. bonaj modeloj. Pri la unua ne estas multe parolinde: se iu atente aŭskultos sin mem, li verŝajne aŭdos, ke li elparolas *kaseto* anstataŭ *gazeto*, *beno* anst. *peno* (aŭ inverse). Do li nur *atente* elparoladu ĝuste tiel, kiel estas skribite, kaj certe li sukcesos post kelka diligenta *peno*. Tio ĉi koncernas ĉefe instruistojn, ĉar malbone elparolante ili infektas la tutan klason, kurson. Tio estas evitinda per severa kontrolo de la elparolado dum la ekzamenoj. — Pri la dua elemento mi opinias, ke *modeloj* de bona elparolo efektive ne ĉie estas haveblaj. Mi ie legis, ke oni intencas eldoni gramofonajn diskojn kun modelaj paroladoj. Tiaj diskoj nepre devus esti uzataj en lernejoj, dum la kursoj de Esperanto, tie kie oni ne estas certa pri la ĝusta elparolado. Plej bone eĉ ĉie senescepte. Eble C. K. povus eldoni tiajn diskojn. Sed dume ili ankoraŭ ne ekzistas, do mi proponas alian aranĝon. Havigi al ĉiu societo dum kelka tempo kvazaŭ vivantan gramofonon, nome: elekti unu aŭ du personojn konatajn kiel perfektaj elparoladantoj, kaj peti ke ili ne rifuzu fari vojaĝon, speciale vizitante societojn, grupojn, kiuj sentas en sia mezo mankon de bona elparoladanto.

Mi esperas, ke C. K. ne rifuzos preni sur sin tiujn klopodojn, proponante al asocioj inviti rekomenditan personon, aranĝi speciâlajn kunvenojn ktp. Estas ja evidente, ke al tiuj esperantistoj, kiuj neniam havis okazon aŭdi eksterlandan esperantan paroladiston, krom tio bonegan, tia aranĝo estus tre utila.

Mi eĉ permesas al mi jam proponi tian personon: S-ron Salo Grenkamp - Kornfeld (Jaslo, Polujo). Li estas premiita elparoladisto, ĉar dum la Dekkvina en Nürnberg li ricevis la I-an premion kiel la plej bona deklamanto.

Estas nur necese ekscii, ĉu li konsentas, fiksi la detalojn, kaj tiam „bonan vojaĝon!" li senprokraste veturu tra la mondo, dume almenaŭ en Eŭropo, lasu ĉie postsignojn de sia modela elparolado, kaj per tio vigligu kaj firmigu nian movadon.

Mi ĝojos, se iu kompletigos miajn proponojn. *P. Medem.*

*

*Noto de la Red.* La C. K. jam efektivigis la bonegan proponon de S-ro Medem kaj aranĝis vojaĝon de S-ro Grenkamp. La grupoj dezirantaj lin inviti skribu rekte al li (Jaslo, Polujo). Interalie Angloj ofte eraras pri vokaloj kaj Germanoj pri konsonantoj, sed bona modelo povas ĉion korekti.

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro *Jakob Schenkel,* Friedrichsthal, kore dankas la delegiton de Kreuznach, Germanlando, S-ron Zorn, pro tuttaga, afabla kaj lerta gvidado tra Bad Münster a. St. kaj Bad Kreuznach.

.˙. D-ro *Courtinat,* okaze de sia postkongresa vojaĝo, kore dankas S-ron Reiter, Salzburg, S-ron Hohlov kaj D-ron Maruzzi, Zagreb, D-ron Ghez kaj S-ron Tusalin, Trieste, D-ron Jantin, Venezia, S-ron Poncet, Lyon pro ilia afableco kaj gastemo.

.˙. S-ro *J. Berger,* Córdoba, esprimas profundan dankon, okaze de lia vojaĝo tra hispana Maroko, al S-ro R. Maraury-Málaga pro tre utila rekomendskribo al konata S-ro en Tetuan, al gesamideanoj V. Richard en Tanger pro gastama akcepto, helpo kaj gvidado tra la urbo kaj fine al S-ro Edwards, delegito de Gibraltar pro tre amika akompanado kaj informado.

.˙. D-ro *Maksimiljano Blassberg* el Kraków tutkore dankas al Jacinto Comella, delegito de UEA en Vich (Hispanujo) por la afablaj servoj.

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15^a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

✦

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Eldonaĵoj de Hirt & Sohn. — Politikaĵo. — Arto. — Scienco. Lernolibroj. — Humoraĵo.**

*

Oni sciigas al ni, ke estos daŭrigata la eldono de la *Enciklopedia Vortaro* de E. Wüster, kies unua parto jam aperis. Feliĉe! Estus preskaŭ honto, aŭ ia malvenko, se la esperantistaro ne povus vivigi tian entreprenon. Necesa por ĉiu spertulo, kaj ankaŭ bazo por venontaj progresoj, estas tiu inventario de nia nuna vortriĉeco. Ĉiu plua aĉeto de la eldonita parto, aŭ mendo de la eldonotaj, akcelos la aperon de l' plena verkego. Ĉiu faru sian devon.

Dume, la firmo Hirt & Sohn en Leipzig pligrandigas sian kolekton *„Internacia Mondliteraturo"*. La belaspektaj volumoj kun tradukaĵoj bone elektitaj el diverslingvaj aŭtoroj, haveblaj je modesta prezo, estos ŝatataj en ĉiu esperanta biblioteko. Kvin el ili mi ĵus tralegis, kaj tiu lego estis ofte vera plezuro Tre laŭdinde estas, ke ĉiun libron enkondukas antaŭparolo informanta pri la verkinto, kaj ofte postparolo de la tradukinto klarigas specialajn esprimojn.

*El la Skizlibro,* de Washington Irving, konsistas el kvar rakontoj, laŭ romantika iom malnova modo, sed tamen tre plaĉaj, kaj tradukataj en facila fluanta lingvo.

*Deklaracio* de TakeoAriŝima, duobla volumo, meritas specialan atenton. Unuafoje tia grava traduko el nuna japana aŭtoro estas esperantigita. Ĝi estas romano sub formo de leteroj interŝanĝitaj de du junuloj, kiuj fine malkaŝiĝas kiel amkonkurantoj. Tia leterara verkado ŝajnas ĉiam iom neaŭtentika, kaj la unuaj paĝoj iom naivaj. Sed iom post iom la leganto estas kaptata; la memanalizo de ambaŭ korespondantoj, la diferenco de iliaj karakteroj, ilia evoluo, la aparta ĉarmo de l' heroino, ĉio tre interesas. Adeptoj de psiko-analizo trovos argumentojn en la senkaŝa konfeso de junulo pri knabecaj amdeziroj. Rimarkinde estas, ke klera japano ofte aludas eŭropajn famulojn aŭ dirojn por siaj komparoj; ankaŭ la plena manko de nia eŭropa vira aŭ virina hontemo. Certe ni konatiĝas kun unu el la plej originalaj legindaj esperantaĵoj.

*Ses Noveloj,* de Edgar Allen Poe, donas ideon pri la eksterorda genio de la amerika poeto, kies influo estis tiom grava ĉe multaj diverslandaj verkistoj. Eĉ jam leginte unu lian rakonton, oni ĉe posta relego ankoraŭ impresiĝas de la sentoj, kiujn la aŭtoro intence trude sugestas. Kvankam humorajn satirojn li ankaŭ verkis, estas en la elveko de l' timo, de la angoro, de l' neesprimeblo, kie li atingas nerezisteblan potencon kaj veran majstrecon. Ni esperu, ke iam ankoraŭ aliaj diversspecaj el liaj rakontoj trovos indan tradukonton.

Pri *La Firmao de la kato kiu pilkludas* de Honoré de Balsac, la fama franca romanverkisto, la tradukinto mem diras, ke la vivo, la movo ŝajnas preskaŭ foresti, anstataŭataj de longaj detalegaj priskriboj. Tamen la okazoj kaj la personoj lasas impreson de tre neta neforgesebla bildo. Bedaŭrinde kelkaj gramatikaj nebonaĵoj restis en la traduko tro laŭvorta kaj ne sufiĉe korektita; mi eĉ opinias, ke „domo" anstataŭ „firmao" estus preferinda en la titolo de l' novelo.

En la *Orientaj Fabeloj,* de Vlas Doroŝeviĉ, vi legos humorajn trafajn satirojn, vestitajn per la vualoj de orienta kostumo. Tiel ili povis aperi kaj vipi la rusan caran reĝimon, mokante la nekompreneman cenzuron. La kvar fabeloj tradukataj de N. Hohlov estas en tia speco veraj ĉefverketoj, kaj la esperantigo estas tiom taŭga, kiom la originala teksto estas sprita.

Fine la sama firmo eldonis ankaŭ la teatraĵon luditan dum la XVI[a] en Wien: *La Malŝparulo* de Ferdinand Raimund. Ĉar komedion oni devas juĝi laŭ teatra prezentado, la kongresintoj, almenaŭ tiuj, kiuj aŭdis la aktorojn, tion povos sperte fari. Leganto tre ĝuas la amuzajn okazojn kaj redirojn kaj povas profiti la enhavatan popolaran moralon; li ankaŭ admiras la tre lertan tradukon, prozan kaj versan, de F. Zwach.

*

La *Koncerta Kantaro* aranĝita de S-roj Brederode kaj Veldkamp enhavas 38 kantojn kun akompano de fortepiano. Ĝi estas tre bona kolekto, ĉefe el klasika kaj romantika periodo, kie la nomoj de plej famaj komponistoj troviĝas kun tiuj de kelkaj pli modernaj. La elekto estas gustplena; popularaj sed ne vulgaraj melodioj kapablaj elveki la emon al bona muziko, altigi la spiriton al la bela arto. Celante facilan por ĉiu komprenelan kantaron, oni ne povis pli bone sukcesi, kaj ĉar la kajero estas I[a] parto, se la sekvontaj respondas la unuan, ni baldaŭ havos trezoron por multnombraj kantemuloj, ludantoj kaj aŭskultantoj.

*

En la antaŭparolo de *Kriminologio* de D-ro R. Vambery, la tradukinto D-ro V. Toth diras: „Ne malofta plendo pri manko de sciencaĵoj en Esperanto decidigis min traduki, post longa ŝanceliĝo, la jenan verketon. Verko kiu pritraktas sociologian, do pli elastan, ne nur por fakanoj alireblan sciencon, certe interesos pli multajn homojn ol severe fakaj verkoj, kaj ili, per sia aĉetemo, helpos por posta eldono de pure fakaj. Se la eksperimento prosperos, sekvos en nia eldono ankaŭ tiaj verkoj." Ni nur povas deziri, ke realiĝos tiu espero, kaj ĉies devo estas kuraĝigi tian provon.

La verko, pli ampleksa ol unuavide ŝajnas, estas ĝenerala rigardo sur novan sciencon, aŭ prefere sur „fermetanta scienco", kiel diras la aŭtoro. La teksto ofte sprita montras vastan erudicion kaj liveras pripensindajn ideojn. Ĝi temas pri la deveno, la historio, la diversaj skoloj, la rilato al punsistemoj, de l' prikrimaj studoj, pri la sociaj kaj individuaj kaŭzoj de l' diversspecaj atencoj. Ĉu latinaj citaĵoj tute akcepteblaj en nacilingva teksto, kie ili celas al tutmonda kompreno, estas ankaŭ tre taŭgaj en esperanta traduko? Oni tute ne miras pri multaj sciencaj vortoj necesaj en tia teksto kaj ilia elekto estas ĝenerale bona; tamen „kadastro" (Verax) ŝajnas preferinda al „katastro" kaj „dato" en senco de statistika ciferaro estas germanismo.

La *Malgranda Terbiblio* ne estas ordinara atlaso kun detalaj geografiaj kartoj, sed deko da bildoj montranta ĉiu la terglobon kun desegnaĵoj celante vidigi unu el la faktoj aŭ tezoj priparolataj en la enkonduka teksto. Tiu enhavas originalajn rimarkojn kaj la klopodo por veraj nekripligitaj geografiaj nomoj estas laŭdinda. La celo mem de l' verko estas socia, kaj tial ne pure scienca oni ĝin povas taksi. Ĝi ree montras kiom necesa, precipe pro multaj lasttempaj ŝanĝoj, estus atlaso, aŭ almenaŭ geografia nomaro, kun propraj nomoj netradukitaj, sed akompanataj de ilia plej ĝusta prononcado pere de la esperanta alfabeto. Kiu havigos al ni tiun tre utilan nomaron?

*

La *Lehrbuch* kompilita por germanlingvanoj de F. C. Richter estas bona plena lernolibro; ĝi utiligas taŭgajn tekstojn kaj bildojn jam uzitajn en aliaj. Se „ism" mankas en la listo de sufiksoj, oni enlistigis, cetere kiel neoficialaj, „mis, retro, end, io, iv, iz, oz"; la libro estas speciale por laboristoj aŭ pli precize por maldekstruloj; en la salutekzemploj estas: „Bonan nokton, kamarado. Ĝis revido, kamaradino", kaj la lasta teksto titoliĝas: „Atako kontraŭ kapitalismo".

Ankaŭ sub patronado de Sennacia Asocio Tutmonda aperas la dua eldono de internacia legolibro: *Ni Legu,* kun 45 tekstoj prozaj aŭ versaj el diversaj lingvoj, kolekto varia kaj interesa. Ĝia ĝenerala tendenco estas tiu de la eldoninta asocio. Poemo

de Heine unue titolita „La teksistoj“ fariĝas en la dua eldono „La ruĝaj teksistoj“. Feliĉe oni ne ĉion ruĝigis, kaj restas bonaj legaĵoj pure literaturaj.

La *Dizionario Esperanto-Italiano* de G. Puccinelli kun ĉiuj oficialaj radikoj komune uzataj, multaj derivaĵoj, ekzemploj kaj gramatikaj klarigoj, en bela bindaĵo, preso kaj formato estas laborilo fidinda. Eble kelkaj el la vortoj de la aldono ne estis ĝis nun sufiĉe ofte kaj aŭtoritate uzitaj por aperi en tia vortaro.

*

Jen ankoraŭ dua eldono de *Babiladoj de bonhumora Zamenhofano* kun pli bona preso ol la unua. La aŭtoro loĝas en la naskiĝurbo de nia majstro; lia verketo estas duoble esperanta: pro sia lingvo kaj ĉar ĝi mokas amuze kaj sprite kelkajn esperantistajn maniojn.

## Novaj libroj.

**El la Skizlibro.** *Washington Irving.* El la angla originalo tradukis *H. L. Elvin.* I. M. vol. 6. 65 paĝoj.

**Deklaracio.** *Takeo Arišima.* El la japana originalo tradukis kun permeso de la aŭtoro *T. Tooguu.* I. M. vol. 11—12. 125 paĝoj.

**Ses Noveloj** el „Rakontoj de mistero kaj imago“. *Edgar Allen Poe.* El la angla originalo tradukis *A. Frank. Milward.* I. M. vol. 13. 80 paĝoj.

**La Firmao de la kato kiu pilkludas.** *Honoré de Balzac.* El la franca originalo tradukis *Paul Benoit.* I. M. vol. 14. 75 paĝoj.

**Orientaj Fabeloj.** *Vlas Doroševiĉ.* Kun permeso de la posedanto de la eldonaj rajtoj el la rusa originalo tradukis *Nikolao Holov.* I. M. vol. 15. 66 paĝoj.

La kvin supraj verkoj apartenas al la kolekto *Internacia Mondliteraturo.* Eldonejo: Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 12½ × 18½ cm. Prezo: po volumo 1,20 ormk. duobla numero 2,— ormk.

**La Malŝparulo.** Originala sorĉfabelo en tri aktoj. *Ferdinand Raimund.* Tradukita el la germana lingvo *F. Zwach.*
Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.
97 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Prezo: 1,80 ormk.

**Babiladoj de bonhumora Zamenhofano.** *J. Šapiro.* Dua eleldono. Rekomendita de E. L. A.
Eldonejo J. Šapiro, Lipova 33, Bialystok, Polujo.
36 paĝoj, 11½×15½ cm. Prezo: 0,50 ger. ormk. aŭ 0,65 sv. fr.

**La Tragedio de l' Homo.** Drama poemo. *Emeriko Madach.* El la hungara originalo tradukis *K. Kalocsay.* Kun 20 desegnaĵoj de Miĥaelo Zichy kaj kun portreto de la aŭtoro.
XXVI + 238 paĝoj, 14½ × 21 cm. Prezo: 4 or. kr.

**Ni legu.** Internacia Legolibro. 45 rakontoj, poemoj kaj humoraĵoj el 15 diversaj lingvoj, kolektitaj kaj aranĝitaj de *Brunulo.* Ia parto, IIa eldono.
Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 Rue Boyer, Paris XX.
112 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 1,80 fr. sv. + 20% sendkostoj.

**Esperanto-Lehrbuch.** Lehrbuch und vollständige Grammatik der Welthilfssprache Esperanto mit Illustrationen für den Anschauungs-Unterricht. Bearbeitet von *F. C. Richter.* 1924.
Bücherstelle Leipzig-Neustadt, Neustädter Markt 6 III.
122 paĝoj, 12½ × 17 cm. Prezo: 1 ger. ormk. (0,24 dol.).

**Folkenes Forbund om Esperanto** som internationalt hjaelpesprog. Generalsekretariatets rapport, antaget af delegeret-forsamlingen de 21 september 1922.
Centra Dana Esperantista Ligo. Kopenhago, Danlando, 1924.
58 paĝoj, 14 × 21½ cm. Prezo: 0,60 kr.

**Malgranda Terbiblio.** 10 terbildoj projektitaj de P-ro D-ro *Ferdinand Szerényi,* efektivitaj de *Aglaja Szerényi.*
Sennacieca Asocio Tutmonda, eldona fako kooperativa, Düsseldorf.
36 paĝoj, 25 × 37 cm. Prezo: 3 fr. sv. + 20% sendkostoj.

**Esperanta Biblioteko Internacia.** Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. Reaperis en 2a eldono la sekvantaj numeroj.
Volumetoj 9½×14 cm. Prezo 0,30 germ. M.

N-ro 3 **Bona Sinjorino.** Novelo. *E. Orzeszko.* Tradukis *Kabe.* 56 paĝoj.

N-ro 4 **Rusaj Rakontoj.** Fabeloj al Helenjo. *Mamin Sibirjak.* Tradukis *N. Kabanov.* 47 paĝoj.

N-ro 5 **Don Kiĥoto.** 5 ĉapitroj el la verko. *Don Miquel de Cervantes Saavedra.* Tradukis *F. Pujulà y Vallès.* 55 paĝoj.

N-ro 6 **El la Biblio.** Elektitaj ĉapitroj. Tradukis *L. L. Zamenhof.* 48 paĝoj.

N-ro 20 **La lasta Usonano.** J. A. Mitchell. Tradukis *Lehman Wendel.* 48 paĝoj.

N-ro 22 **Nord-Germanaj Rakontoj.** *Heinrich Bandlow.* Tradukis *Ella Scheerpeltz.* 48 paĝoj.

N-ro 26 **La Intervidiĝo kaj Nekonita Dialogo.** *Alfred de Vigny.* Tradukis *Sam. Meyer.* 35 paĝoj.

N-ro 28 **Elzasaj Legendoj.** Tradukis *Charlotte Pulvers.* 47 p.

**Pro Dio! ne Esperantiston.** Unu akto. *Karl Minor.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
13 paĝoj, 9½ × 14 cm. Prezo: 0,20 germ. M.

**Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado 1924.** 12a jaro. Universala Esperanto-Asocio. 12 Boulevard du Théâtre, Genève. 304 + XCVI paĝoj, 11½ × 16½ cm.
Senpaga por UEA-anoj.

**Jarlibro 1924. Sennacieca Asocio Tutmonda.**
S. A. T. 23 rue Boyer, Paris XX.
320 paĝoj, 12 × 16½ cm. Senpaga por SAT-anoj.

**Internacia Komerca Adresaro „Per Esperanto“.** Kolektita kaj eldonita de *Rudolf Hoschek.* Wien 1924.
184 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezo ne montrita.

**La Sendanĝereco de Francujo.** Unu el la problemoj de la paco. Tekstoj kaj dokumentoj. *André Honnorat,* senatano, eksministro. Ĉefdeponejo: Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris 9e.
158 paĝoj, 12 × 18½ cm. Prezo: 5 fr. fr.

**Vollständiges Lehrbuch der Welthilfssprache Esperanto.** *D. A. Möbusz.* 5a eldono 1924.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
136 paĝoj, 14½×22 cm. Prezo: 2,— germ. M.

!

**Kun la nuna numero de „ESPERANTO“ estas sendata n-ro 11 de la Bulteno de l' Internacia Laboroficejo, Kongresa Bulteno N-ro 1, Anonca Bulteno N-ro 4.**

◆




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr. or.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj]. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 40 000, 100 000, 300 000; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr. 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 75, 150, 800; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 75; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 250; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 100; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10 000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190 576, Warszawa.*

**Decido de la Komisiono de UEA.** — Informita per cirkulerletero la komisiono de UEA bonvolis aprobi la starigon de sekvantaj novaj teritorioj kaj aprobi la elekton de ĉefdelegitoj:

*Berlin:* Ĉefdelegito Max Blankenheim, Stubenrauchplatz 5, Berlin-Steglitz.

*Wien:* Ĉefdelegito D-ro Edmund Sós, Tuchlauben 18, Wien I.

*Latvio:* Ĉefdelegito Talivaldo Indra, Krišjana Barona iela 104 (Riga).

*Belgio:* Ĉefdelegito Frans Schoofs, Kleine Hondstraat 11.

**Administra Jaro 1925.** — Kun sincera ĝojo ni povas anonci, ke la stato de UEA antaŭmilita laŭ nombro de membroj estas atingata je la fino de la jaro 1924 (31 oktobro 1924). La nombro de membroj superas 7300. Tio pruvas, ke sisteme kaj metode laborantaj, niaj delegitoj faris la eblon por revarbi malnovajn kaj gajni novajn anojn. Tamen la financan egalpezon ni ne atingis ankoraŭ; ĝi estas nia ĉefa zorgo dum la nova jaro kaj ni varme petas niajn delegitojn kaj membrojn fari la sian, por ke ni fine sukcesu en tiu penado. La detaloj pri la pasinta administra jaro aperos kiel kutime en la Kongresa Raporto de UEA.

**Varbado de membroj.** — Je la unua novembro estas forsendata la Oficiala Bulteno N-ro 13 kun diversaj dokumentoj, varbiloj, membrolistoj ktp. Delegitoj ne ricevintaj tiun sendaĵon je oportuna tempo volu informi nin. Ĉefa tasko de la delegitoj estas la varbado de novaj membroj, revarbado de la malnovaj; por faciligi la registrigon de novaj aliĝoj ni atentigas, ke tiaj povas esti akceptataj jam nun; se estas novaj anoj ni sendas la gazeton „Esperanto" jam de nun (sen plia kosto). Ni estus dankaj al niaj delegitoj se ili komencus la enkasigon de kotizoj jam nun, tiel malaltigante la laboron dum la unuaj monatoj de la jaro, kutime plej granda alfluo de aliĝoj.

a) Helpmembroj. Tiu ĉi kategorio de anoj restas por Aŭstrio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Rumanio, entute 5 landoj. (Kotizo 1.50 Fr. sv.) Ili rajtas ricevi membrokarton kaj *unu* enskribon de anonco, koresponda adreso en la Anonca Bulteno aŭ gazeto „Esperanto".

b) Membroj. Restas la samaj kondiĉoj kiel antaŭe: Kotizo 5 Fr. kun rilataj favorprezoj (vidu la tabelon ĉe la eniro de la Oficiala Informilo). Ili rajtas ricevi membrokarton, Jarlibron de 1925 kaj de koresponda anonco *unu* enskribon en la Anonca Bulteno aŭ „Esperanto".

c) Membro-subtenantoj. Por helpi la Asocion kaj esprimi per pli alta kotizo la deziron efike kontribui al la bezonataj rimedoj, ekzistas la kategorio de Membro-subtenantoj, kies kotizo estas 25 orfrankoj aŭ la koresponda sumo en nacia mono. Kiel en pasinta jaro, bonvola subtenanto rajtas elekti premion, kaj ni ĝojas povante anonci la valorajn sendaĵojn jene:

1. *Verkaro de Zamenhof,* konsistanta el ok volumoj 15×21 cm, kune 1034 paĝoj da teksto. Estas la jenaj verkoj de l' monda literaturo: Andersen: Fabeloj: Goethe: Ifigenio en Taŭrido; Gogol: La Revizoro; Heine: La Rabeno de Baĥaraĥ; Molière: Alf. Dandin; Orzeszko: Marta; Schiller: La Rabistoj; Shakespeare: Hamlet.
2. *D-ro Edmond Privat:* Vivo de Zamenhof. Originala eldono kun 15 bildoj el la vivo de nia Majstro, bele bindita; kaj kun subskribo de la aŭtoro.
3. *Internacia Biblioteko Esperanta,* konsistanta el 30 volumetoj de plej varia literaturo. Grandeco de l' volumetoj 10×14 cm kun meze 48 paĝoj da teksto. La tuta kolekto enhavas:

**J. Borel:** „Legolibreto".
**Andersen:** „Fabeloj".
**E. Orzeszko:** „Bona sinjorino".
**Mamin Sibirjak:** „Rusaj rakontoj".
**Fr. Pujulà y Vallès:** „Don Kiĥoto en Barcelona".
**D-ro L. L. Zamenhof:** „El la Biblio".
**D-ro L. L. Zamenhof:** „El Dramoj" [fragmentoj].
**D-ro L. L. Zamenhof:** „El Komedioj" [fragmentoj].
**J. Borel:** „Praktika Frazaro".
**Ĉif Toŝio:** „Japanaj rakontoj".
**Henrik Ibsen:** „Reaperantoj".
**At. D. Atanasov:** „Bulgaraj rakontoj".
**Lucius Apelujus:** „Amoro kaj Psiĥe.
**J. Borel:** „Komerca korespondo".
**J. Borel:** „Konsiloj pri higieno".
**John Ruskin:** „La reĝo de la ora rivero".
**Georg Beltiy:** Sinjoro Herkules".
**J. A Mitchel:** „La lasta Usonano".
**Ferenc Herczeg:** „Hungaraj rakontoj".
**Heinrich Bandlow:** „Nord-germanaj rakontoj".
**Jacinto Benavente:** „Hispanaj dramoj".
**Jean Jullien:** „La Instituto Milner".
**Hel. Christaller:** „Noveletoj el la nigra arbaro".
**Alfred de Vigny:** „La intervidiĝo kaj nekonita dialogo".
**E. Zahn:** „La patrino".
**Charlotte Pulvers:** „Elsazaj legendoj".
**J. J. Porchat:** „Sub la neĝo".
**Reinhold Schmidt:** „La amkonkurantoj".

4. *Grabowski:* El parnaso de popoloj. 14×21 cm, 228 paĝoj, bele bindita. Poemoj el 31 lingvoj majstre sentitaj en nia lingvo.

Ĉiu Subtenanto paginta la kotizon rajtas elekti *unu* el la kvar supre nomitaj sendaĵoj. Ni forte esperas, ke niaj membroj vaste uzos ĉi tiun avantaĝon akirante belan librotrezoron por relative ne alta sumo. Escepte la C. O. konsentas, ke personoj nepovantaj pagi en unu fojo la kotizon de subtenanto povas tion fari en du fojoj.

**Jarlibro 1925.** Kun la Oficiala Bulteno estas sendata folio por korektoj. Ni petas ĉiujn delegitojn kaj membrojn, ke rimarkante eraron, tute egale en kiu parto de la Jarlibro, ili informu nin pri ĝi. Ni klopodas, ke la Jarlibro 1925 aperu frue (daton ni ne konigas por ne revoki nian promeson!) kaj sekve petas ĉiujn delegitojn informi nin kiel eble plej baldaŭ ne atendante la lastan minuton.

a) *Anoncoj.* La varbado de anoncoj por la Jarlibro notinde pliboniĝis en la pasinta jaro. 1925 devos esti ankoraŭ pli bona. Ne sole la Delegitoj sed ankaŭ la membroj povas kunhelpi. Por la varbado ni aranĝis taŭgan formulon, kiun varbemuloj povos ricevi. La kosto de paĝo en la jarlibro estas 50 Fr. sv., duonpaĝo 25 Fr. sv.
Restas la konata kondiĉo de neakcepto de anoncoj pri sekretaj drogoj kaj certaj libroj. Pri la presindeco de anonco decidas la Direktoro.

b) *Entreprenoj.* La firmoj, entreprenoj, societoj, korporacioj ktp. nepovante reklami pro la kaŭzo sed tamen intencantaj iel esprimi bonvolon al nia movado, povas tion fari per aliĝo kiel — Entrepreno de UEA. La statuto art. 13 precizigas la rajtojn, kiuj konsistas:
   a) Ricevo de rajtiga karto, uzado de servo de informpetado, 10% rabato sur anoncoj en jarlibro kaj gazeto.
   b) 40-vorta anonco en speciala parto de la jarlibro post la adresaro de la delegitoj, ricevo de pruvekzemplero de tiu ĉi jarlibro.
   Kotizo: Sama kiel tiu de MA, 12,50 Fr. oro, oficiale.

c) *Esperantistaj Renkontejoj.* La provo farita en pasinta jaro ne estis kontentiga. Nur 46 enskriboj el 31 lokoj! Tio montras, ke la delegitoj ne bone komprenis la aferon. Aperas en tiu ĉi rubriko gastejoj kaj hoteloj, kie kunvenas kaj estas troveblaj esperantistoj. La kosto de unu enskribo de tri linioj, proksimume 30 vortoj, estas 5 Fr. sv., sama sumo kiel la kotizo de membro.

Tekstoj da anoncoj, de entreprenoj, esperantistaj renkontejoj devos alveni plej malfrue

15 Decembro 1924.

**Elekto de la Delegitoj.** Konforme al la statuto art. 18 devas okazi la elekto de la Delegitoj. En lokoj kie loĝas minimume *dek* membroj, ĉi tiuj elektas la delegiton. La aliaj (kiuj havas malpli ol dek membrojn) estas reelektataj de la Direktoro.

a) Ĉiu Delegito kun dek kaj pli da membroj devas kunvenigi la membrojn (art. 23) kaj okazigi la elekton.
   Protokolo pri tiu ĉi kunveno estu sendata al la Centra Oficejo de UEA. La delegitoj uzu la por ili aldonitan formulon *Protokolo.*

b) La Delegitoj, elektataj de la Direktoro ricevos kun la Oficiala Bulteno N-ro 13 konfirmon en formo de cirkulerletero.

La elektoj (a) estas komunikotaj en la Oficiala Informilo de UEA.

**Garantia Kapitalo.**

Dua serio:

| | Frankoj svisaj |
|---|---|
| Antaŭa listo . . | 5100.00 |
| 18. S-ro Friedrich Bierhoff, Westhofen . . . . . . | 300.00 |
| Sume: | 5400.00 |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 fr. orajn (svisaj), pageblaj en tri partoj dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto kaj de la jarlibro kiel eblaj aliaj eldonaĵoj oficialaj de UEA.

**Plendoj.** — Responde al plendoj pri du anoj de UEA, policanoj en Budapest, la estraro de UEA informas, ke unu el la du personoj jam ne apartenas al UEA de du jaroj kaj la alia eksiĝis el UEA post la plendoj.

Plie la estraro de UEA deklaras, ke la delegiteco de UEA kaj la ofico de *sekreta aŭ politika policano* en iu ajn ŝtato ne estas akordeblaj.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

**Altenburg,** Germanio, Thüringen — D: S-ro Linus Landmann, studkonsilisto, Bismarckstr. 17

**Antsla,** Estonio — D: S-ro Alfred Sover, komercisto

**Bahia,** Brazilo, S. Salvador — D: S-ro Luis Soares Rosado, fin. publika oficisto Thesouro de Estado
VD: S-ro Francisco Fortella, studento, Str. Roma 237

**Brlohy,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Hans Drexler, bienisto, Brlohy ap. České Budějovice

**Erfurt,** Germanio, Thüringen — D: S-ro Walter Weber, komercisto, Gustav-Adolfstr. 1 pt.

**Frohburg,** Germanio, Sachsen — D: S-ro Arthur Grune, instruisto, Markt 293

**Fyr,** Ĉeĥoslovakio, Župa Nitrianska — D: S-ro Stefan Handžarik, instruisto

**Giarre,** Italio, Catania — D: S-ro Cormelo Caltabiano, advokato, Via Sipione

**Göppersdorf** b. Burgstädt, Germanio, Sachsen — D: S-ro Paul Rauschenbach, Faristo de trikotaĵoj

**Hildburghausen,** Germanio, Thüringen — D: S-ro Arndt Scheller, gimnazia profesoro, Georgstr. 45

**Hranice,** Ĉeĥoslovakio, Moravio — D: S-ro Rudolf Charbulák, komercisto

**Jokjakarto,** Nederl. Indio, Java — D: S-ro George Leopold Blot, instruisto, Djetis

**Ludwigslust,** Germanio, Meckl. — D: D-ro Wilhelm Köppner, studa konsilanto, Kanalstr. 25

**Malmö,** Svedlando — D: S-ro Otto Nilsson, Klaragat 17

**Metkovici,** Jugoslavio, Dalmacio — D: S-ro Dinko Baselli, komumuma sekretario

**Monceau les Mines,** Franclando, Saône et Loire — D: S-ro René Joly, instruisto

**Nový Bydžov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Oskar Braun, fabrikanto, Rašinova 7

**Otos,** Hispanio, Valencia — D: S-ro German Olivares Ordinana, terkulturisto por Puebla del Duc.

**Ottweiler,** Germanio, Saar — D: S-ino Anny Bonaventura, Brühlstr. 10
VD: S-ro Karl Kleber, seruristo, Viktoriastr. 14

**Pötschmühle,** Ĉeĥoslov., Böhm.-Krumau — D: Maximilian Urban, teknikisto, M. N.

**Prunéřov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Otto Czech, fervojoficisto, No. 127

**Radauti,** Rumanio, Bukovina — D: S-ro Edmund Jarosiewicz, librotenisto

**Rokycany,** Ĉeĥoslovakio, Cechy — D: S-ro Eliška Kočvarova, Komenského nám 33

**Schatzlar,** Ĉeĥoslovakio — D: S-ro Alois Haase, lernejdirektoro, No. 173
VD: S-ro Arthur Heller, kuracisto

**Sviŝtov,** Bulgario, Tirnovo — D: S-ro Vladimir Minkov, oficisto, notarius

**Townsville,** Aŭstralio, Queensland — D: S-ro Laurence M. Glynn, provizeja laboristo, c/o Mrs. Cullinane, Flinders Str. W.

**Tschiertschen,** Svislando, Grisono — D: S-ro Jakob Wirsner, hotelisto, Pensiono Erika

**Warnemünde,** Germanio, Meckl. — D: S-ro Wilhelm Scheel, restoraciisto, Villa Erika, Strandweg 12a

**Zeulenroda,** Germanio, Thüringen — D: S-ro Rudolf Hermann Dix, komercisto, Greizerstr. 34

**Zlaté Moravce,** Slovakio, Nitrianska — D: F-ino Maria Svidtova, instruistino,

## Ŝanĝoj.

**Bern,** Svislando — D: D-ro Eduard Spielmann, poŝtoficisto, P. K. 174, Transit.
VD: S-ro Robert Bolliger, bankoficisto, Cäcilienstr. 36

**Caranŝebes,** Rumanio, Caras Severin — D: D-ro Jozefo Horvath, advokato, Str. Loga 5
VD: S-ro Ludoviko Goldschmidt, fabrikanto, Str. General Trapsa 10

**Cieszyn,** Pollando, Silezio — D: S-ro Ludwik Krysta, ŝtata oficisto, Schmerlinggasse 2, Ĉeski-Těšin

**Denver,** Usono, Colorado — D: S-ro Hyman Levine, inĝeniero, 1655 Lincoln Str.

**Janjina,** Jugoslavio, Dalmacio — D: S-ro Ante Marinovič, komunuma oficisto
VD: S-ro Vlaho M. Jasprica

**Lisse,** Nederlando, Zuid-Holland — D: S-ro Adrianus Gerardus de Jeu, floristo Roversbroekpolder

**Ljubljana,** Jugoslavio, Slovenac — D: S-ro Danilo Herkov, fin. oficisto, Gosposvetska cesta 6 II.

**Malang,** Nederl. Indie, Java — D: S-ro Maarten Kruyt, adkunkto-bienmezuristo de la Kadastro, Van Riebeeckstraat 5a

**Manado,** Insulo Celebes, Nederl. Indio — D: S-ino Klaasje Swerms, instruistino
VD: F-ino Neloise May, librotenistino

**Montevideo,** Urugvajo — D: S-ro Pedro Casas, komercisto, Calle San José 1139
VD: S-ro Andrès Di Landro, komerca komizo, Calle Paysandú 871

**Osaka,** Japanio — D: S-ro Tadashi Ajsaka, ĵurnalisto, Kokusai Tsushiusha Koraibashi, Higashiku

**Pardubice,** Ĉeĥoslovakio — D: F-ino Marie Spílkova, oficistino de la poŝtdirekcio Sladkovského, 414
VD: S-ino Grossmannova-Vamberová, Lázně Bohdaneč

**Potsdam,** Germanio, Brandenburg — D: F-ino Hildegard Nickel, korespondistino Blücherpl. 2
VD: S-ro Emil Markau, instruisto, Hessestr. 1

**Rio de Janeiro,** Brazilo — D: Carlos Domingues, 136, II-a etaĝo
VD: S-ro Luiz da Costa, Porto Cerreiro Neto, 24 de Maio 154

**Stettin,** Germanio, Pommern — D: F-ino Frieda Kupfer, kontoristino, c/o Last, Politzerstr. 93

**Provizore ne plu estas delegitoj en la jenaj urboj:**

Bloomington [U. S. A., Ill.]: Cleve [Germanio, Rhld.]; Kiroiu-Roŝiori [Rumanio]: Kostelec nad Černými lesy [Ĉeĥoslovakio]; Letovice [Ĉeĥoslovakio, Moravio]; Meppel [Nederlando, Drenthe]; Mikkeli [Finnlando]; Niedercorn [Luxemburg]; Ohrid [Jugoslavio, Serbio]; Otting post Waging, bei Traunstein [Germanio, Oberbayern]: Ouroux sur Saône [Francio, Saône et Loire]: Roanne [Francio, Loire]; Salamanca [Hispanio]: Savona [Italio, Genova]; Sopron [Hungario]; Strängnäs [Södermanland, Svedio]; Zeist [Nederlando].

*Genève,* 20a de oktobro 1924.

*H. Jakob,*
Direktoro de UEA.

